XV[a] jaro. N[o] 225 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## NUNTEMPAĴOJ

# LA ESTONTA POVO DE LA ŜTATO

Antaŭrimarkoj pri la Societo de la Nacioj

La suban artikolon bonvolis rezervi al „Esperanto" Franca verkisto, reprezentanto de la juna idealema generacio, S-ro Ch. Baudoin, fondinto de la revuo „Le Carmel" kaj samtempe fervora amiko de nia lingvo.

Depost la Franca Revolucio du tendencoj, egale rajtaj, kvankam kontraŭaj, manifestiĝis en la spiritoj zorgemaj pri la estonteco de la homaj valoroj. Ĉiu krizo ilin ambaŭ intensigis, kaj la nuntempa krizego ŝajnas reveki ilian konflikton, pri kiu oni ofte ne konscias, sed kiu estas ekzameninda kaj solvinda, ĉar ĝi verŝajne estas granda malhelpo al la starigo de pli bona mondo. Batali kontraŭ la fortoj de l' malbono eble ne estas la plej malfacila tasko, ĉar la viktimoj de la malbono estas granda armeo, kaj la mortintoj mem restariĝas por ĝin plidikigi. Sed kunordigi la fortojn de la bono estas tute alia afero: fortoj bolantaj, ĥaosaj, kontraŭaj, kiel la ardaj kaj malkvietaj geniuloj ilin naskintaj. Estus plej urĝe, ke ĉesu tiu pereiga divido. Sed por tio necesas, ke oni kuraĝe alrigardu la konflikton mem, — eĉ se tio timigas la malfortulojn, — anstataŭ ĝin malkuraĝe ignori.

Unuparte, la homa spirito sentas, ke super la landlimoj prepariĝas vasta kuniĝo; la fragmentoj de la sankta serpento sentas sin unu la alian, sin reciproke alserĉas kaj konscias pri sia unueco. Tio estas la socialista, solidarista movado, kiu tendencas nenion fordoni al anarkio, ĉion societigi, homojn kaj popolojn: La Societo de la Nacioj estas la logika konsekvenco de tiu tendenco.

Sed aliparte la modernaj societoj, stranga kompromiso inter la dikventra plutokratio kaj la maldelikata demagogio, fornaŭzigis la plej noblajn spiritojn, de Carlyle ĝis Nietzsche. La societo subpremas la superan individuon, kiu ribeliĝas kontraŭ la ŝtato kaj aspiras aŭ al supera anarkio aŭ al paradoksa reiro al la monarkiaj aŭ aristokratiaj formoj de la estinteco, ĉe kiuj la pli individua, malpli ŝtatema regado allasis pli da arbitro, sed ankaŭ, almenaŭ okaze, pli da libereco.

Tiele, du kontraŭaj movadoj apartigas la plej superajn homojn: unu al sinarkio, alia al anarkio; unu volas plivastigi la ŝtatpovon, alia ĝin limigi. Tiuj tendencoj ne estas ĉiam tre konsciaj; ili ofte kruciĝas en sama individuo, kiu ne sentas ilian kontraŭecon, sed ili nuliĝas unu la alian kaj igas la spiriton malforta. Ili kruciĝas eĉ en sama doktrino. Ekzemple, la socialismo, kiu tendencas plivastigi la rajtojn de la ŝtato, ofte saturiĝas je anarkiema individualismo. Ofte, sed ne ĉiam, — kio pligrandigas la ĥaoson.

La sama konflikto aperas en la revolucioj. Tiurilate tre instrua estas la Rusa revolucio, ĉe kiu kuniras la Tolstoja anarkio kaj la plej necedema ŝtatismo. En la Germana revolucio, kiu ankoraŭ rezervos al ni surprizojn, la samaj kontraŭecoj agitiĝas kaj batalas duonkonsciaj. Ankoraŭ la sama konflikto en la junaj kaj sanaj elementoj de la nuntempaj arto kaj penso. La vidajo, kiun prezentas la plej vivantaj el la Francaj revuoj, estas tre karakteriza: kelkaj estas solidaristaj, aliaj estas individualistaj kaj eĉ kun fiera malŝato, iel nobla, sed eble danĝera, rigardas la demokration kaj la socialan agadon.

Pri ambaŭ tendencoj, rajtaj kaj potencaj, devos atenti la konstruantoj de la estonta mondo; nek la unu, nek la alia povas esti forkondamnata per vorto.

Ĉu tio signifas, ke oni devas akcepti tiun mezbonan timeman kaj burĝan solvon, kiun oni nomas la ĝusta mezo? Ne, ĉar oni povas antaŭvidi, ke tiu ĝusta mezo estus ja la nuna „ordo", tio estas la malordo. Ni ne plu povas vivi en ĝi, ni ĝin abomenas.

Atenti pri ambaŭ tendencoj, tio ne signifas adopti nek la unun, nek la alian, sed ja ambaŭ. Eble ĉiu estas prava sur sia kampo. La demando estas decidi, kia estas tiu kampo, aŭ per aliaj vortoj, kie la ŝtata povo devas esti plifortigata kaj kie ĝi devas esti limigata.

Se oni akceptas la principon de la ŝtato, t. e. de la socio organizita, ŝajnas evidente, ke leĝa ligilo devas esti kreata inter la nacioj. Ju pli kreskis la vivantaj rilatoj inter pli malproksimaj homgrupoj, despli tiuj homgrupoj sentis la bezonon sin interligi per organizo: la Romaj gentoj federiĝis en kurioj, la kurioj en triboj, la triboj en civitoj. Oni ne komprenas, kial la federa movado haltus je tiuj provincoj,

kiaj estas la nunaj nacioj, en epoko, kiu kreis intimajn kaj rapidajn rilatojn inter ĉiuj popoloj de la tero. Al tiu materia novaĵo, devas kunrespondi jura novaĵo: la Societo de la Nacioj.

Sed aliparte ŝajnas dezirinde, ke la ŝtato, por tiel diri, perdu rilate la intensecon tion, kion ĝi gajnos rilate la vastecon. Efektive, ĉu la nuntempa monstraĵo ne venas de la misproporcio inter la internacia senorganizeco unuflanke, kaj la troa organizeco de ĉiu aparta ŝtato aliflanke? Tie oni bezonus pli kaj ĉi tie malpli. La moderna ŝtato estas ofte tirano kaj idolkulto tiel kruela kiel la malnovtempaj; ĝi havas sian inkvizicion, ĝi mortigas siajn herezulojn. Se tia regado etendiĝus super la tuta tero, nenio estus pli danĝera. Mi senhezite diras, ke je tiu prezo estas eĉ preferinde konservi la militon.

Sed tia ŝtato ŝajnas esti elvivinta. Neniu plu volas ĝin. Al ĝia absolutismo, al ĝia centralizemo, al ĝia scienca barbareco, ni opozos la federan spiriton, kiu celas limigi la ligilon je la plej necesa minimumo, kaj respekti la individuecon, la liberecon de ĉiu kontraktanta partio. Al ĝia imperialismo, ni opozos la vere demokratan spiriton; ni postulos parlamenton de la popoloj, ne konsilantaron de diplomatoj. Kvankam la demokratio havas difektojn, oni ne devas konkludi, ke ili estas nekuraceblaj. La demokratio ne estas principe neakordigebla kun la spirita aristokratio, kiun alrevas la individualistoj; ĝi eĉ eble fariĝos ties kondiĉo. Sed ni konfesas, ke la difektoj de la demokratio ne povas tuj esti forigataj. Edukado de la demokratio estas necesa. Kiam la alkoholoj de la gazetaro kaj de la drinkejo ĉesos influi je la cerboj de la voĉdonantoj, kiam la popolmasoj scios elekti gvidantojn inter la vera elito, kiam reciproke la intelektularo, pro sia sintenado, meritos esti konsiderata de la popolmasoj kiel vera elito — kia ĝi certe ne estis dum nia „heroa" tempo, — tiam la edukado de la demokratio estos farita. Povas esti, ke la sperto de la milito progresigis tiun edukadon; la popoloj sentas sin trompitaj kaj eble estos malpli trompataj (ili jam malpli kredas al la gazetaro). Sed tiu edukado tute ne estas finita. Tial la realigo de la internacia federiĝo devas esti laŭgrada kaj malrapida. Ĉiuj aranĝoj kaj transiroj devos esti mature pripensataj. Oni kreu ilon, kiu povos perfektiĝi laŭ kiom plikapabliĝas la homaro.

Mi havas nek la kompetentecon, nek la spacon por diskuti pri la praktika realigo de la projekto. Mi nur provis montri la atentotajn ĉeftendencojn. Tio estas multe pli facila — mi esperas, ke ĝi ne estas senutila — kaj tial oni senkulpigu min.

*Charles Baudoin.*
Trad.: *A. R.*

 SOCIA VIVO 

# Pri Georgio

II

La filologoj ne interkonsentas pri la deveno de la Georga lingvo. Kelkaj faras el ĝi Arian lingvon; aliaj, kiel prof. N. J. Marr, formas el ĝi novan grupon nomatan Jafeta, al kiu ligiĝas la frataj idiomoj al la Georga: la Mingrela, la Lazea, la Svaneta, samkiel la lingvo parolata antaŭ la alveno de la Armenoj, lingvoj mortaj kaj multnombraj dialektoj parolataj de la Kaŭkazaj popoloj. Tiuj Jafetaj lingvoj havus kelkajn similecojn kun la Semidaj lingvoj.

La Georga lingvo apartenas al la suda grupo de l' Kaŭkazaj lingvoj, kiuj ĝis nun povis esti apartenigataj al neniu alia konata idiomo. Aliparte la strukturo de la Georga malhelpas ĝin vicigi en certa klaso de lingvoj: oni trovas tie fleksion, aglutinon kaj polisintetismon. La alfabeto, parenca al la Armena, enhavas kvardek signojn. Estas du tipoj de skriboj: la „mĥedruli" estas la plej uzata; la alia, pli arkaika, estas uzata ankoraŭ por la religia literaturo kaj estas nomata „ĥutsuri". La sonoj de la lingvo estas sufiĉe malmildaj; estas multe da grupoj de konsonantaj kaj siblaj sonoj. La morfologio estas tre riĉa. Oni povas diri, ke la Georga skribo ekzistis 300 jarojn antaŭ la Kristana tempkalkulo; ĝi estus veninta el Persio kun la enkonduko de la religio de l' magoj. En 302 reĝo Farnavaze enkondukis la alfabeton „ĥutsuri". La Georga estas la literatura lingvo ne nur de la loĝantoj de Karthli, sed ankaŭ de l' Mingreloj kaj de l' Svanetoj; ĝi estis ankaŭ kulturita de la Lazeoj antaŭ ilia Islamaniĝo.

La Georga literaturo estas tre malnova; ĝi havas pasintecon de dekkvin jarcentoj, t. e. multe pli malnovan ol la Franca. Oni povas dividi la Georgan literaturon en kvar periodoj: la unua iras de la Va al la Xa jc., kiam regas ekskluzive nur religiaj verkoj seninteresaj por nia epoko. De la fino de l' XIa ĝis la XIIIa jc. naskiĝas kaj kreskas la literaturo. De la fino de l' XIIIa ĝis la XVIa jc. ĝi dekadencas, fine de l' XVIa ĝis la XVIIIa jc. la lingvo renaskiĝas.

Ĉe la tradukado kaj verkado, la Athosa Monto (en Halkediko), sankta por la Bulgara renaskiĝo, ludis rolon ankaŭ por la Georga. Georgo de Athos verkis en Greka la faman himnon „Vesperaj Sonoj" tradukita en multaj lingvoj. Tre riĉa teologia kaj filozofia literaturo disvolviĝis.

La Georga lingvo posedas en prozo tradukojn de konataj Persaj romanoj kaj eposaj poemoj. En la Xa jc. la poeto Filipo unua enkondukis la rimon. Ŝota Rustaveli estas aŭtoro de la plej fama malnova Georga poemo „*Vephkhis tkaosani*". (La kavaliro kun la pantera felo), tradukita en kelkaj lingvoj. Ĝi estas ankoraŭ konsiderata kiel poeta ĉefverko de Georgio, samranga je la Itala „Divina Commedia". La neimitebla stilo, la riĉeco de l' figuroj, la interesa historio, en kiu montriĝas karakterizaj trajtoj de la Georga kavalireco, vivigis depost jarcentoj tiun verkon, kiu vivos ĝis kiam estos Georgoj, diras la historiisto Kipŝidze. Ĉiu instruita persono en Transkaŭkazio ĝin lernis parkere, granda nombro de ĝiaj versoj fariĝis aforismoj en la popolbuŝo. La unua parto de l' poemo estas dediĉo al reĝino Tamara, kies laŭrpoeto estis Rustaveli. Tiu antaŭparolo enhavas kvazaŭ manifeston de l' poeto klariganta siajn ideojn pri la poezio, la vere kavalira amo, la sindoneco al la virino fariĝinta preskaŭ adorajo. La verso de l' poemo estas deksessilaba, kiu fariĝis populara.

Oni devas rimarkigi, ke la rimo estas tre ŝatata. En la XIIa jc. estas verkoj, kie ĉiu verso dividiĝas en kelkaj versetoj, el kiuj la du unuaj rimas ankoraŭ (internaj rimoj) dum la du lastaj rimas kun ĉiuj ceteraj (eksteraj rimoj). Iafoje oni trovas tutan serion de internaj rimoj, ĉiuj versoj aŭ almenaŭ tri rimas kune. Dank' al tiu riĉeco de rimoj kaj asonancoj, la versoj estas ekstreme sonoraj kaj muzikaj. Citindaj kolektoj de odoj estas tiuj de Ŝavteli, de Ĉaĥruhadze, dediĉita al Tamara, de kie nomata *Tamariani*, prikantanta la grandecon kaj gloron de ŝia lando. Davido la konstruanto estas la emblemo de politika saĝeco, dum Tamara estas tiu de la milita gloro.

En la XVIIIa jc. renaskiĝo komenciĝas. La reĝoj mem tradukas la plej rimarkindajn Persajn verkojn. Reĝo Tajmuras Ia skribis ankaŭ originalaĵojn; oni ŝuldas al li poemon:

„La Georgoj“. Alia reĝo Artehil († 1712) kantas ankaŭ la landheroojn. Reĝo Vaĥtang VIa tradukis i. a. kolekton de rakontoj kaj fabeloj: *Kalila kaj Dimna*. Dum lia reĝado estis organizita historia komisiono por publikigi la historiliteraturajn monumentojn de Georgio. La plej rimarkinda poeto en la XVIIIa jc. estas Guramiŝvili, kiu lasis historiajn kantojn, aŭtobiografion, didaktikajn kaj religiajn poeziajojn inspiritajn de l' pesimismo kaj mistikismo. Tamen lia poemo „Ĝoja somero“ estas animita de realista blovo. Citindaj estas ankaŭ: Besarion Gabaŝvili, princo Georgo Avala kaj princo Ĉolokaŝvili. La plej belaj verkoj de la moderna literaturo estas presitaj en Tiflis, kie en 1709 ekfunkciis la unua presejo.

Post la anekso al Rusio, la profana literaturo de Georgio ekdisvastiĝas, malgraŭ la baroj kaj persekutoj. Inter la plej distingindaj verkistoj ni trovas la nomojn Ĉavĉavadze, Orbeliani, Eristov k. a., ĉiuj apartenantaj al la plej alta aristokratio. La unua akiris grandan reputon kiel lirika poeto; liaj poemoj estas en la memoro de ĉiuj Georgoj, precipe tiuj, kie li kantas la amon, vinon, ĝojon, kaj priskribas la belajojn de sia lando. N. Barataŝvili († 1845) estas influata de Byron, Lermontov kaj eble de Musset; liajn verkojn trapenetras romantikeco. Tamen, doninte liberan flugon al sia pesimismo en „Pensoj ĉe la bordo de Kura“, montrinte, ke ĉiu feliĉo sur la tero estas nekonstanta, ke la vivo neniel estas vivinda, ke la homa koro estas senfunda vazo, li fine tamen instigas la homojn sin oferi, labori por la feliĉo de l' tuta homaro. El liaj plej belaj poeziajoj, citindaj estas: „Mia preĝo“, „La templo de l' dezerto“, „Al infano“, „La orfa animo“, „Vesperoj sur Mtataminda“, „La sorto de Georgio“.

En 1850 estis malfermata en Tiflis la unua konstanta teatro, kiu donis grandan impulson al la drama literaturo. Unua nominda dramaŭtoro estas G. Eristov, kiu ĉerpas siajn temojn en la Georga vivo kaj priskribas ĝin kun forta talento kaj granda vereco. Citindaj estas ankaŭ Avkcenti Tsagarelli kaj J. G. Ĉavĉavadze.

La poeto la plej stampita de l' moderna spirito kaj animita de intensa popolamo estas Kazbeck, kiu subskribis siajn verkojn per la nomo Moĉubaridze (Tumultanto). Li estis revoluciulo, socialisto suferanta pro la senpovo progresigi la kompatindajn montanojn, kiuj lin ĉirkaŭis. Liaj rakontoj, liaj aspiroj al pli bona estonteco estas ravaj. Depost longaj jaroj la jurnalo *Droeba* en Tiflis sukcesis kolekti ĉirkaŭ si preskaŭ la tutan intelektan junularon. Ĝia direktanto Meŝhi donis al ĝi pure demokratan koloron. La persekutoj iom disigis tiun grupon de luktantoj animitaj de plej pura amo al la popolo kaj deziro ĝin progresigi. Unu el ili fondis la revuon *Krebuli*, ludintan, kun la unua, gravan rolon en la intelekta vivo de Tiflis. La revolucio en 1905 ebligis la ekfloriĝon de tuta serio da Georgaj ĵurnaloj, ĉiunuancaj. La kontraŭrevolucio ilin forigis.

Estas multaj traktatoj pri la Georga literaturo, historio, arkeologio kaj lingvo. La pentrarto, la skulptarto, la arkitekturo ankaŭ floris. Estas same multaj kolektoj de popolkantoj, el kiuj plej citinda estas *Djonguri*, plena je belaj sentoj kaj kortuŝa poezio.

* * *

Ĉe la bordoj de Kaspia Maro troviĝas neniaj perloj kiel ĉe la sudaj apudlimajoj de Persio; en Kaŭkazio kuŝas neniaj diamantoj, tamen la bela lando havas „ĉion kion la homoj postulas“. Tutan plenkorbon da donacoj superŝutis la naturo super Kaŭkazon. En la fruktoriĉaj valoj de l' sudo prosperas maizo kaj rizo, maturas fajraj vinberoj, persikoj, abrikotoj kaj melonoj; kotono kaj tabako liveras riĉajn enspezojn, la kulturo de l' silkraŭpo floras. La Kaspia Maro estas riĉa je nutrigaj fiŝoj; ĉe ĝiaj bordoj estas rikoltata la bongusta kaviaro. Sennombraj trezoroj ripozas en la montoj: grandaj mangansedimentoj, kupro, ŝtonkarbo kaj hidrargo. En la orienta parto troviĝas riĉaj naft- kaj petrolputoj. Malvarmaj kaj varmaj sulfurfontoj kun temperaturo ĝis 70° fluas multloke, same feracidaj akvoj de alta valoro. La ekonomia signifo de Kaŭkazo estas ekstreme atentinda. Al Georgio apartenas granda parto de tiuj riĉajoj.

Georgio estas unu el la plej belaj landoj de l' mondo, lando kiu estus ankaŭ unu el la plej riĉaj, se ĝi estus loĝata de persistaj laborantoj kaj . . . se la scienculoj tiel arde serĉus tie la ĉiuspecajn minojn, kiuj abundas sude de Kaŭkazo, kiel en la okcidentaj landoj ili inventas mortigilojn kaj detruilojn. La teritorio de Georgio estas dividata geografie, per la flankaj montoĉenoj, kiuj unuigas Kaŭkazon al Taurus kaj al la Armena montomaso, je du regionoj: okcidente, la baseno de Rioni, rigardanta al la Nigra Maro, kun malseka kaj varma klimato, mirinde fruktodona kaj prospera; oriente, la meza kaj malsupra valo de Kura, kun klimato pli kontinenta, pli seka kaj malvarma vintre, sed ankoraŭ fruktodona kaj bone kulturata en la okcidenta parto de l' baseno. La principo, ke la tero devas aparteni al tiu, kiu povas kaj volas ĝin kulturi, estas realigita en Georgio en 1905—1906. La bestbredado estas la granda riĉajo de l' montaj regionoj norde kaj sude de la lando.

Georgio kaj precipe Kaĥetio estas la plej fruktoriĉa provinco de Kaŭkazo. Tiuj landoj estus eksterordinare produktemaj, se ili estus senmarĉigataj. La arbaroj tie estas superbelaj; tamen la radikoj de l' arboj dronas en la akvo. La grundo de l' valoj estas tre varia. En la prilaboritaj valoj montriĝas abundega vegetajo, ĉar la lando estas protektata kontraŭ la nordventoj per la montoj, el kiuj kelkaj estas pli altaj ol Monto-Blanka. En la tuta lando oni neniel konas la froston en la lokoj je malpli ol 1200 metroj da alteco kaj ĉie, kie estas akvo, la tero estas mirige fruktodona. La vinbero kreskas ĉie en la malsupro de l' valoj, preskaŭ ne postulante zorgojn. Apud la marbordoj estas oranĝaj, citronaj, granataj arbaroj, k. t. p. La marĉaj valoj de l' bordoj Kaspiaj estas taŭgaj por la kulturado de la rizo, kotono, teo, sukerkano.

La industrio estas ankoraŭ malgrava. Tiu de silko kaj kotono estas disvolvita. La tabako estas abunde kulturata. Oni trovas minajojn de kupro, fero, plumbo. La karbo ne estas malofta, sed oni ĝin apenaŭ ekstraktas. Oni trovas en la montoj marmoron, jaspon, kvarckristalon, porfiron, rubenon, ambron, agaton, stanion. Se la Eŭropaj inĝenieroj kaj kapitaloj estus uzataj tie, la minindustrio kaj tiu de la multvaloraj ŝtonoj baldaŭ florus.

La havenoj, facile alireblaj, kiel Batum kaj Poti, povas servi por ligi Orienton al Okcidento. Pere de Georgio, la grandaj riĉajoj de Siberio estos disponigataj al Okcidenta Eŭropo.

Sidanta sur la vojo al Hindio, tiu lando estas ludonta gravan rolon pro siaj nemezureblaj riĉajoj. La popolo estas sufiĉe inteligenta por fari rapidajn progresojn, se ĝi ĝuas trankvilecon internan kaj eksteran. La lastan jaron, Georgio proklamis sin sendependa respubliko kaj antaŭ nelonge ĝia popolo demokrate balotis konstituantan deputataron. Nuntempe la registaro klopodas, ke la Paco-konferenco rekonu la sendependecon de la nova ŝtato. Ĉiuokaze devas esti donata la ebleco al la lando por senbare disvolvi ĝiajn ekonomiajn kaj intelektajn fortojn. Ĉiuj vizitintaj Georgion ekamas tiun interesan popolon kaj deziras al ĝi longan pacan kaj liberan ekziston, kiu sola povas alporti al ĝi veran prosperecon.

Laŭ G. Brocher kaj aliaj aŭtoroj.

*Ivan H. Krestanov.*

# La lingvoj en nova Eŭropo

La ĉi-suba teksto konsistas el fragmentoj ĉerpitaj el la libro: *„Les langues dans l'Europe nouvelle"*, de Prof. A. Meillet, recenzita en la lasta numero de „Esperanto". Malgraŭ la ereco de l' traduko, la sinsekvo de l' ideoj esepereble aperos. La tezo ne estas nova por ni, sed plaĉas konstati, kiom mirinde akordiĝas la simpla saĝo de la Esperantistoj kaj la logika dedukto de sciencisto.

La lingvoj estas tiaj, kiaj faras ilin la socioj uzantaj ilin. La volo de iliaj parolantoj efikas kaj kunhelpas je ilia disvolviĝo.

* * *

La lingva stato en nuna Eŭropo estas paradoksa.

Tie la materia civilizo, la scienco, eĉ la arto pli kaj pli samiĝas. Ĉiutage klera Eŭropano sentas sin pli hejme en ĉiuj landoj posedantaj Eŭropan civilizon, tio estas pli kaj pli en la tuta mondo. Ĉiuj civilizuloj praktikis same antaŭ kelkjaroj la pacajn artojn. Hodiaŭ preskaŭ ĉiuj militas per la samaj armiloj. Senĉese la rimedoj disponeblaj por interkomunikiĝi la homojn pliboniĝas, kaj sekve la terglobo ŝajne plietiĝas; Parizano estas hodiaŭ pli proksima al Anglo aŭ Germano, ol li estis antaŭ centjaro al Ĉampaniano.

Tamen la lingvoj uzataj kiel esprimiloj de tiu civilizo estas tre diversaj, kaj ili fariĝas ĉiam pli multnombraj. La scio de l' Germana, Angla, Hispana, Franca, Itala ne plu sufiĉas por tiu, kiu volas esti daŭre informata pri la tuta moderna civilizo.

* * *

Se ĉiu nacio atingos la memregecon, kiun ĝi pretendas, se iam venkos la principo de l' kunligitaj ŝtatoj: „la popoloj rajtas disponi pri si mem", la scio de dudek diversaj lingvoj ne sufiĉos por observi la civilizon de sola Eŭropo. Kaj oni tiel nenion diras pri la Aziaj popoloj, kiuj akiris, aŭ estas nun akirantaj, la teknikan parton de l' Eŭropa civilizo, sed kompreneble konservas siajn lingvojn. La mondo celas havi nur unu kulturon, sed la kulturlingvoj plimultiĝas.

Por sperti la maloportunecon rezultantan el tio, sufiĉas transiri lingvan limon. Por tiuj, sciencistoj aŭ praktikistoj, kiuj devas esti plene informataj pri la laboro farata en la mondo, la diverseco de l' kulturlingvoj malsimpligas la taskon netolereble. Al la lernado, ĉiutage pli laboriga, de scienco aŭ tekniko, la neceseco lerni diversajn lingvojn, kaj ĉiam pli malsimilajn, aldonas ŝarĝon senĉese pli pezan.

La akiro de nova lingvo pliriĉigas la kleron de tiu, kiu ĝin lernas. Sed oni havas malofte la necesan kapablon por atingi elegantecon, kiu postulas tiom da klopodoj; cetere fariĝas ĉiam malpli vere, ke la akiro de moderna lingvo estas spiritriĉigo. Samtempe kiam la civilizo pli unuiĝas, la lingvoj inklinas esprimi per rimedoj materie malsimilaj, sed paralelaj, aferojn, kiuj fakte estas samaj; la konoj ne varias kun la vortoj esprimantaj ilin, kaj tiom diferencaj per la uzitaj esprimiloj, ĉiuj Eŭropaj lingvoj celas esti, laŭ la esprimataĵoj, fidelaj kopioj unuj de la aliaj.

* * *

Lingvo estas instituo; ne povas izolulo modifi ĝin; ĉar ĝi utilas al tuta grupo, ĝi povas ŝanĝiĝi nur per konsento, konscia aŭ ne, de homanaro. Sed la maniero, laŭ kiu ĉiu ulo praktikas sian lingvon, kunhelpas difini ĝian postan progreson; tiel ĉiu estas responda siaparte pri la perfektiĝo, aŭ pri la difektiĝo, de la lingvo, kiun li uzas. Ekzistas en ĉiu grupo pluraj manieroj paroli; individuoj havas ofte la eblecon elekti iun aŭ alian; la elekto farata de individuoj, kaj precipe de certaj influaj individuoj, ne estas senefika.

La lingvoj de l' klerularoj, kaj ĉefe de l' intelektularoj, celas trudi sin, aŭ almenaŭ liveri modelojn, havi influon.

* * *

Ĉe tre klera popolo, la skriba lingvo havas grandan konservigan efikon.

* * *

Lingvo estas sistemo, en kiu ĉio kuntenas, kaj kie ŝanĝo de detalo sufiĉas por dispecigi la tuton.

* * *

La perdo de klera komuna lingvo, kiel estis la Latina, kaŭzis evidentan malfacilon. Sed estus vane bedaŭri ĝin, kaj neniu pensas reveni al la forpasinteco.

* * *

La sola efika rimedo ĝis nun uzita por ripari la lingvan dispecetigon en Eŭropo estas tiu de l' dua lingvo. La landanoj, kies nacia lingvo estas malmulte konata eksterlande, sin turnas al unu el la gravaj jam de longe disvastiĝintaj kulturlingvoj. La Franca, la Angla, la Germana estas uzataj tiucele.

* * *

Malgraŭ siaj meritoj je precizeco kaj klareco, malgraŭ sia eleganteco — kaj eĉ pro sia eleganteco — la Franca lingvo, kiu konservas parton de sia antaŭa famo, renkontas fortan kontraŭstaron, kaj ĝia rolo, kiel komuna kulturlingvo ne plu vastiĝas. Ĝi eĉ retroiris je pluraj flankoj.

* * *

Post rapida lernado de l' Angla lingvo, iu Franco povas tralegi rapide paĝon el ordinara Angla prozo kaj diveni ĝian enhavon; kontraŭe, eĉ se oni scias bone la Germanan, eĉ se oni multe legis ĝin, oni ne sukcesas tralegi kelkajn Germanajn liniojn; oni devas ellegi ilin.

* * *

La ortografio de la Angla lingvo estas ankoraŭ pli malbona ol tiu de l' Franca . . .

La prononcado ne havas la netecon kaj laŭtecon de la plej multaj Latinidaj kaj Slavaj lingvoj; ĝi estas unu el la plej konfuzaj, kaj ĝi estas samtempe unu el la plej strangaj . . . Ne ekzistas lingvo, kiun nejuna fremdulo sukcesas pli malfacile prononci laŭ korekta maniero. La prononcado estas por la monda rolo de la Angla lingvo la plej granda baro.

* * *

En la nuna stato de l' mondo, civilizulo devas estri almenaŭ la lingvojn Francan, Germanan kaj Anglan. Laŭ la fako de sia laboro, li povas bezoni iun el ili pli ol aliajn. Li estas devigata legi ilin tri, kaj estas maloportune por li ne povi facile uzi ilin tri.

Tamen tiu scio estas nur rimedaĉo kontraŭ la malbono de la lingvodiverseco en la civilizita mondo.

Resumo Franca, Germana aŭ Angla de verko publikigita en Dana aŭ Ĉeĥa lingvo apenaŭ anstataŭas la verkon mem.

Internacia kongreso, kie estas parolataj la Franca, Angla kaj Germana lingvoj, estas iom Babel'a turo. Ĉar, se la personoj legantaj tiujn lingvojn estas multnombraj, tiuj kiuj ilin parolas kaj komprenas bone ĉiujn tri estas maloftaj. La sciencistoj, la teknikistoj malofte havas la libertempon lerni bone paroli, bone kompreni la fremdajn lingvojn.

* * *

La lernado de l' lingvoj, eĉ limigita al la plej necesaj, postulas de l' klera junularo grandan penadon, kiu povus parte esti pli bone utiligata. La sciencoj ĉiutage pliriĉiĝas; la junuloj ne havas tro da tempo kaj forto por studi iliajn principojn. Estas tro postuli de ĉiu klera junulo, ke li akiru dum siaj studjaroj samtempe la scion de l' sciencoj kaj tiun de tri lingvoj, ĉiuj malfacilaj. Tamen la kleriĝo nepre trigas tiun oferon.

La spirita profito rezultanta el tiu lernado certe estas granda... Oni spertis de longe, ke por bone elkoni la riĉecon de sia propra lingvo kaj por ensorbi ĝian spiriton, ne estas pli bona ekzerco ol la tradukado.

Tamen oni ne troigu tiun profiton. Estas en la lernado de l' lingvoj granda parto da senutila laboro. Neniel utilas scii, ke la sama besto estas nomata tie ĉi „chien", tie „dog", alie „hund". La modernaj lingvoj, uzataj por sama civilizo, tradukas pli kaj pli ĝuste unu la alian; oni ĉie retrovas similajn kaj samvalorajn parolturnojn, kaj la spirita profito, kiun trovas okcidenta Eŭropano studante la lingvon de l' apuduloj, des malpliiĝas, ju plilimiĝas tiu lingvo al esprimo de l' nuna civilizo.

Se la lernado de l' fremdaj lingvoj estas funde farata, tiamaniere ke ĝin profitu la spirito, ĝi postulas longegan tempon. Se ĝi estas supraja, ĝi alportas preskaŭ nenion al la intelekta kulturo. Ĉiuj vizitintoj de grandaj internaciaj hoteloj vidis, ke hotelmastroj facile respondas al klientoj, kiuj demandas ilin per kvar aŭ kvin diferencaj lingvoj; kion lernis tiuj homoj per praktikado de sia metio en diversaj landoj, tio ne vere riĉigis ilian penskapablon. Por ĉiuj, kiuj lernas la modernajn lingvojn precipe je la praktika vidpunkto, kaj interesiĝas nur al la nunaj formoj de l' lingvoj, la intelekta profito de tiu lernado estas plej ofte dubevalora.

* * *

Jam de longe oni pensis eviti la malfacilajojn, kiujn la diferenco kaj la nombro de l' lingvoj kaŭzas al la civilizo, pere de artefarita lingvo, kiun ĉiu homo povus uzi, krom sia patra lingvo.

* * *

Tamen la sciencistoj kaj la filozofoj neniam serioze eklaboris por krei artefaritan lingvon sciencan, kiu respondus ilian precizemon, kaj povus servi al la tuta homaro.

Laŭ la praktika vidpunkto, kontraŭe, oni faris provojn efikajn. La sukceso, kiun tiuj provoj renkontis, montras, ke ili respondas al bezono. La unua artefarita lingvo, kiu estis fama dum kelka tempo, estis Volapük, elpensita de Germano; tro malfacila, ĝi estis rapide forlasita. Zamenhof el Varsovio poste eltrovis Esperanton, kiu havis pli grandan sukceson.

La principo, sur kiu apogas sin Esperanto, estas efektive bona. Artefarita lingvo kreita en ĉiuj partoj ne havas ŝancon sukcesi, unue, ĉar estas malfacile, preskaŭ neeble, krei el nenio perilon tiel komplikan, kia estas necese lingvo difinita por ĉion diri, kaj konforma al la eblecoj samtempe laŭ fiziologia kaj laŭ psikologia vidpunktoj, kaj, due, ĉar la lernado de lingvo tute nova, kaj neniel simila al konataĵo, postulas grandan penon kaj tuj malkuraĝigas la pli multajn personojn. Anstataŭ krei, Zamenhof eltiris el la Eŭropaj lingvoj la komunan parton, kiun ili enhavas.

* * *

Estas facile eligi el la lingvoj Latinidaj kaj Germanaj mezan gramatikan tipon, kie la gramatikaj klasoj estas esprimataj per la vortordo, per sufiksaj partikloj kaj per aldonaj rilatvortoj.

La vortaro de l' Eŭropaj lingvoj enhavas grandegan nombron da vortoj komunaj, aŭ al ĉiuj tiuj lingvoj, aŭ al multaj inter ili, kaj oni ne bezonas krei artefaritajn vortojn; sufiĉas, por montri ĉiun ideon, elekti la vorton konatan de la kiel eble plej granda nombro el la Eŭropaj lingvoj.

* * *

Tiel aginte, Zamenhof kunmetis lingvon, kie kvazaŭ nenio estas propre lia elpensaĵo, kaj kiu konsistas el mezformo de la Eŭropaj lingvoj. Ĉiu okcidenta Eŭropano retrovas en ĝi konatajn partojn, kaj nenio en tiu konstruaĵo estas por li tute fremda.

Esperanto, tiel formita laŭ ĝusta principo, havis sukceson. Ĉie formiĝis Esperantistaj grupoj. Oni publikigis Esperante grandan nombron da libroj kaj revuoj. Okazis internaciaj Esperantistaj kongresoj. Esperantistoj devenantaj de la plej diversaj nacioj interparolis per Esperanto kaj komprenis unu la alian. La ebleco fondi artefaritan lingvon facile lerneblan, kaj la fakto, ke tia lingvo estas utiligebla, estas pruvitaj per la praktiko. Ĉia teoria diskuto estas vana; Esperanto funkcias.

Cetere oni ne vidus, kial estus neeble starigi, en la formo akceptita por Esperanto, artefaritan lingvon.

* * *

Por iu ajn jam scianta la Anglan aŭ unu Latinidan lingvon, kaj ankoraŭ pli por iu ajn scianta plurajn lingvojn de okcidenta Eŭropo, estas facile akiri Esperanton aŭ Idon; kelkaj tagoj sufiĉas por kompreni, kelkaj semajnoj por praktiki tiujn lingvojn.

Tia lingvo povas havigi gravajn servojn kaj ripari tre efike la maloportunaĵojn devenantajn de l' lingvomulteco.

Al la grandaj kulturlingvoj, lingvoj de intelektularoj, ĉiuj malfacile ellerneblaj, kiuj povas esti bone akiritaj nur de nemultaj personoj temphavantaj, kaj kiuj havas tro da beleco por ke ne estus dolore aŭdi ilin parolaĉataj de personoj malperfekte sciantaj ilin, konvenas aldoni por la ĉiutagaj bezonoj de l' internacia vivo artefaritan lingvon, kiun ĉiu povus uzi facile.

Oni scias, ke la laboro de l' internaciaj kongresoj estas malfaciligata, preskaŭ malebligata de la lingvodiverseco, precipe kiam la anaro konsistas el homoj meze instruitaj aŭ el sciencistoj povantaj legi plurajn kulturlingvojn, sed ne havintaj la tempon lerni flue ilin paroli. La internaciaj kongresoj de partio, kiel la socialista partio, kiu malkaŝe celas internaciismon, estas tre pezigataj pro la neceseco ĉion traduki en almenaŭ du lingvojn, kaj la delegitoj de malgrandaj landoj necese estas elektataj inter tiuj, kiuj bone scias unu el la ĉefaj lingvoj uzataj dum la kongreso. Komuna lingvo estas nepre necesa por vere ebligi la diskutojn. Tiucele oni bezonas lingvon facile lerneblan, kiu favoras neniun. Sole artefarita lingvo respondas tiun duoblan postulon.

Por la komuniko de l' ideoj, oni komprenas, kiom estus profitige posedi internacian lingvon.

Senigita je ĉiu naciaja karaktero, tia lingvo speciale taŭgas por la tradukado. Efektive, tradukante oni renkontas duoblan malfacilaĵon: la idiotismojn de la originalo kaj tiujn de la lingvo, en kiun oni tradukas. Se oni tradukas en artefaritan lingvon, la unua el ambaŭ malfacilaĵoj restas; sed la alia estas forigata ĉar, esence, artefarita lingvo ne havas idiotismojn. Plie, dum traduko el Angla aŭ Franca lingvo en Maĝiaran utilas nur en Hungario, Esperanta traduko servus por tuta Eŭropo. Iu scienca aŭ teknika verko, kiu ne estas sufiĉe grava por esti tradukata en iun apartan lingvon, povos esti utile tradukata aŭ resumata en la internacian lingvon por la tutmonda publiko.

Por ĉio, krom literatura verko, aŭtoro apartenanta al malgranda nacio trovus ofte profiton, publikigante senpere sian verkon per internacia artefarita lingvo; almenaŭ, tion farante, li sentus nek la saman antipation, nek la samajn malfacilaĵojn, ol uzante lingvon de nacio, kiu ne estas lia.

* * *

La praktika neceseco de internacia lingvo estas evidenta. Kaj ĉar tiu lingvo estas ebla, ĝi devas esti starigata. La malhelpaĵoj por ĝin enkonduki estas gravaj. Ili estos venkataj nur per interŝtata interkonsento.

Por ke la lingvo artefarita estu konstanta, ĝi devus esti akceptata per konsento inter la landoj, kie ĝi estos uzata.

La Esperantistoj ĉiam rifuzis enkonduki en la principoj de sia artefarita lingvo la plej etan plibonigon, ĉar ili scias, ke ĉia ŝanĝo riskas okazigi skismon; ili malakceptis la plej malgrandan ŝanĝon pro timo, ke ĝi ne estos ĉies akceptitaĵo. Tiu timo estas prava. Sed de kiam la internacia lingvo estos fiksita per kontrakto inter ĉiuj ŝtatoj de l' mondo, aŭ almenaŭ ĉiuj ŝtatoj, kiuj ĝin akceptos, ĝi havos tian potencon, ke nenio povos ĝin ŝanceli. Oni vidas per la ekzemplo de la Angla, ke lingvo vere tutmonda povas konservi grandan unuecon; neniu pensas modifi en ĝi ion esencan. Oni devos atente ekzameni la jam faritajn provojn, korekti en ili ĉion difektan. Oni devos pripensi la malfacilecon, kiun havos lernonte la internacian lingvon ne nur Eŭropanoj, sed ankaŭ Orientanoj, Japanoj, Ĉinoj ekzemple. Sed kiam la principoj estos firmigitaj, la sendanĝereco estos plena, kaj kiam ŝanĝoj fariĝos necesaj post kelktempo, ili povos esti trudataj de la sama internacia aŭtoritato; sen tiu aŭtoritato, oni neniam kuraĝus ion ŝanĝi en la akceptita lingvo.

Kiam lingvo internacia estos enkondukita, sole la interkonsentintaj ŝtatoj povos trudi ĝian studon al la infanoj, kaj ĝian praktikadon al ĉiuj siaj oficistoj, kiuj rilatas kun fremduloj. Ĉiuj ne akceptos unuafoje; sed tuj kiam kelkaj registaroj estos akceptintaj tiun ideon, la utileco de l' novaĵo aperos tiel blindige, ke la kontraŭstaroj ne estos longdaŭraj. Artefarita lingvo estas sufiĉe facila por esti instruata eĉ en la unuagradaj lernejoj; ĝia instruado ne estus, kiel tiu de l' gravaj tradiciaj lingvoj, rezervata por la duagradaj aŭ superaj lernejoj.

*

Sendube la regnanoj de landoj, kie estas uzataj gravaj kulturlingvoj, kiel la Angla, Hispana, Franca, Germana, unue opinios, ke ili oferas ion, studante artefaritan lingvon. Sed la regnanoj de landoj, kie estas parolataj lingvoj malpli konataj, estas sufiĉe nombraj por influi per sia volo. Eĉ por la personoj Angle parolantaj, la utileco de internacia lingvo baldaŭ aperus, se iam ĝi estus uzata en la plimulto de l' landoj, kie ne regas la Angla. Do, se en sufiĉa nombro da ŝtatoj, grandaj aŭ ne, la lernado de internacia lingvo estas deviga, estos en la aliaj sufiĉe da personoj, kiuj ĝin lernos propravole por ke, eĉ tie, la utileco de internacia lingvo estos perceptata.

Oni unue timos, ke tiu lingvo malutilos al la lingvoj, kiuj jam ludas ian internacian rolon, kaj efektive ĝi malutilos al ili en certa rilato. Sed ĝi ankaŭ servos al ili; la personoj studintaj lingvon, laŭ modelo de Esperanto aŭ Ido, pro tio ne scios la Francan, la Hispanan, la Italan aŭ la Anglan; sed ili kapablos lerni tiujn lingvojn pli facile, ĉar ili estos akirintaj elementajn sciojn, kiuj malfermos por ili ties pordojn.

Ĉino aŭ Japano, kiu scius internacian lingvon, kiel Esperanto, estus jam duone enkondukita en la Eŭropajn lingvojn. Faciligi la rilatojn inter la popoloj parolantaj neeŭropan lingvon kaj ĉiuj aliaj, ne estus unu el la malplej ŝatindaj protitoj de internacia lingvo.

La solvo Esperanta kaj Ida de l' internacia lingvo estas inda esprimi la unuecon de l' moderna civilizo, kies fundo estas Greka-Itala.

Kun internacia lingvo artefarita, la homaro disponus novan forton; ĝi neniom perdus el la riĉeco, kiun estigas la ekzistantaj kulturlingvoj. Sole, artefarita lingvo povas havigi al la internaciaj rilatoj la perilon praktikan kaj simplan mankantan al ili.

*Prof. A. Meillet.*
Trad.: *G. Stroele.*

---

# Filantropio en komerco

La suba artikolo, traduko de la jara raporto de la akcia kompanio *Lever Brothers, Limited*, montras, ke bona traktado de dungatoj estas profita afero, kaj ke grandanima dunganto povas eviti disputojn kun dungatoj, se li traktas ilin bone. La laboristoj ĉe *Port Sunlight* laboras laŭ la plej bonaj hejmkondiĉoj, kaj tiuj, kiuj vizitos la Britan Kongreson en *Liverpool* en junio, havos okazon, vidi la belan urbeton, kiun la dungatoj konstruis. — *W. M. P.*

Ĉe la jarkunveno de la akcia kompanio *Lever Brothers, Limited*, la mondkonata fabrikejo de „Sunluma Sapo", okazinta en *Port Sunlight*, Anglio, la prezidanto de la kompanio, Lord Leverhulme klarigis al la akciuloj la planon de la kompanio pri seshora labortago por ĝiaj laboristoj. La ĝeneralaj trajtoj de la plano, li diris, estas, ke templaboristoj kaj popecolaboristoj laboros laŭ du periodoj, ses horojn en ĉiu periodo. La matena periodo komenciĝos je la $7^a$, kaj, post horkvarona paŭzo je 8 h. 45 por malpeza refreŝigaĵo, la laboristoj daŭrigos labori ĝis 1 h. 15 p. t. m. Je 1 h. 15 p. t. m. la laboro de la matenaj laboristoj finiĝos. Ili ne revenos al la laborejo ĝis la sekvanta mateno je la $7^a$. Tio faras tutaĵon de ses laborhoroj en ĉiu tago (ne kalkulante la horkvaronon por manĝeto), lundon ĝis sabato. Rilate al la posttagmeza laborperiodo, ekzistas forta deziro konservi la sabatan posttagmezan libertempon, malgraŭ ke ĉiu alterna semajno estas semajno de liberaj posttagmezoj. Por respondi al tiu deziro, la posttagmeza laborperiodo komenciĝos je 1 h. 15 p. t. m. kaj, post duonhora paŭzo por refreŝigaĵo de 4 h. 45 ĝis 5 h. 15 p. t. m., daŭros ĝis la $9^a$. Tio okazos ĉiutage ĝis vendredo, kiam la laborperiodo finiĝos je 8 h. 45., por ke la ĉiusemajna meznombro estu 36 horoj. Rilate al la templaborantoj — t. e., tiuj, kiuj daŭre laboras — dividi la dudek kvar horojn en kvar periodoj, laŭ nia nuna maniero, kreus malfacilon rilate al la noktperiodo. Oni devas konsideri la hejmvivadon, kaj la hejmvivado postulas, ke homo noktlaboranta forlasu la hejmon ĉirkaŭ 9 h. 30 aŭ 9 h. 45 vespere, por ke la hejmo fermiĝu kaj ĉiuj enlitiĝu je la $10^a$, kaj li ne revenu ĝis 6 h. 15 aŭ 6 h. 30 matene, kiam la hejmanoj ellitiĝos. Por havigi tion, ia nereguleco devos okazi. Ĝi postulas, ke ĉe la noktperiodo homo laboru ok horojn, kiel nun, komenciĝante je la $10^a$ vespere kaj finiĝante je la $6^a$ matene; sed tio estos saldita per la tagoj, en kiuj li laboros nur kvin horojn kaj dudek minutojn, kaj tio en monato egalos al seshora labortago; do en unu semajno el kvar, homo laboros ok horojn nokte, kaj la restantajn tri semajnojn li laboros nur kvin horojn kaj dudek minutojn dum la tago. Kompreneble oni ŝanĝos la periodojn ĉiusemajne.

Ni proponas liveri la manĝetojn je la kosto de la kompanio, t. e. senpage al la laborantoj. Ni opinias, ke ni ŝparos multon rilate al akurateco kaj daŭra laboro, kaj ĝi simpligos la manĝprovizadon. La manĝetoj konsistos el teo, kafo, kakao, buterpano kaj sandviĉoj, tute senpagaj sur tabloj apud la lokoj, kie la homoj laboras. Nek viroj, nek knaboj, nek knabinoj devos marŝi pli ol estas necese por eliri el vagonaro kaj iri al bufedo. Mi provis, kion oni povas manĝi en bufedo dum horkvarono, kaj mi konstatis, ke la tempo por refreŝiĝo estas sufiĉa.

La salajro por 36-hora semajno estos tutsama kiel por 48-hora semajno. Tio estas esenca, sed ĝi estas egale certa, ke la direktistaro povos plenumi la laboron sen plua kosto al la kompanio, se ĝi organizas la laboron, por ke neniaj pli grandaj elspezoj okazu al la kompanio. La direktistaro libere konsentis en niaj konferencoj, ke aldoni al la kosto de la fabrikado de sapo handikapus nin ne nur kun firmoj en Britio, sed kun firmoj en la tuta mondo, kiuj konkuras kun ni en la eksportaj vendejoj. Do, la decidiĝo de ni ĉiuj

estas, ke la sama salajro estos pagata kaj pli multe da libera tempo havata, ne aldonante al la kosto de nia komercajo, nek troaltigante la koston de fabrikado.

Ni deziras enkonduki novan metodon por la pago de la salajroj. Anstataŭ amasiĝi ĉirkaŭ la pagoficejo kaj atendi laŭvice, ĉiuj laboristoj havos privatan konton ĉe banko apud sia hejmo elektita de si. Ni kreditigos al la konto de la homo la sumon de lia salajro. Laŭ ĉi tiu sistemo li elĉerpos el sia banko tiom, kiom li bezonas por la hejmelspezo. Al la sumo postlasita la kompanio aldonos interezon da 5 %, tiel ke, anstataŭ resti hejme senprofite, la mono havigos interezon. La tendenco estos, ke oni ĉiam lasos iom pli ĉiusemajne en la banko, kaj mi estas certa, ke se oni povus universale fari tion, oni ne nur plialtigus la staton de la laboristo, sed aldonus al lia digno, ĉar li estos instigata fariĝi ŝparemulo, kun sia mono en la komerco, en kiu li laboros, aŭ en aliaj komercoj. Mi klarigis ĉi tion iom longe, ĉar ĝi estas tre grava. Mi certigas, ke ni ne akceptas nenecesajn riskojn, farante ĉi tiun entreprenon.

Ne estas nova ideo, ke la laboristoj bezonas pli da libertempo. Mi notis dum multaj jaroj, ke post certa punkto en salajro — tiu punkto estanta la linio post la vivrimeda nivelo — la plej granda deziro de la laboristoj en ĉi tiu lando estas libera tempo, kaj tiu deziro kreskadis; oni bezonas liberan tempon, por ke la homo povu vivi libera de la malnobla zorgo kaj ĉiutaga unutona tasko de mekanika industrio. Mi estas konvinkita, ke libera tempo estas tiel esenca kiel salajro por la ĝusta evoluado, edukado kaj bonstato de la civitanoj de ĉi tiu lando.

Alia punkto estas „sendanĝereco unue". „Sendanĝereco unue" signifas, ke oni tre zorgu pri la vivoj kaj korpomembroj de niaj laboristoj. Naŭ el dek akcidentoj okazas pro senpripenso. Per malgrandaj rememorigiloj kaj avizoj ni gardas la maŝinon kaj faras ĝin „foolproof" (kontraŭstultula). Mi ĉiam sentis, ke kiel la deknaŭa jarcento estis la jarcento de mekanika evoluado, tiel same la dudeka jarcento fariĝos la jarcento por la humanigado de niaj industrioj; oni zorgos pli pri la vivo kaj korpomembroj de la laboristoj, ol pri la vivo kaj sano de la maŝino. Oni povas trolaborigi aŭ mortigi maŝinon, kaj tio povas esti bona politiko, sed ne havi konsideradon ĉiurilate por la vivo, sano kaj feliĉo de la laboristo, estas la plej miopa politiko, kiun iu kompanio povas alpreni.

Trad.: *W. M. Page.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Internacia Eduka Federo.** — Dum la lasta kongreso por Ligo de la Nacioj estas fondita en Bern „Centra Oficejo por internacia eduko", kies celo estas: disvastigi la internacian spiriton, lukti kontraŭ ĉia ŝovinista eduko kaj kunigi la klopodojn de ĉiuj organizajoj laborantaj per tia aŭ alia maniero por la nomita celo.

Por formi la Internacion de l' edukado, ĝi alvokas la kunlaboron de l' internaciaj federoj de instruistoj, de studentoj, de kristanaj junuloj kaj similaj asocioj, de la pastroj, de Universala Esperanto-Asocio kaj de aliaj organizajoj interesiĝantaj pri internacia eduko.

La centra komitato konsistas el S-roj prof. D-ro E. Trösch, Iv. Krestanov kaj L. Choulat; la sidejo troviĝas en Bern (prov. adreso: Lentulusstr. 52). Estas sekcioj: 1e por *pedagogia teorio kaj praktiko ĝenerale* (interŝanĝi pedagogiajn eksperimentojn de tutmondaj instruistoj kaj edukistoj, stimuli edukprogresojn, pristudi reformojn en la lernejoj kaj instruoj en ĉiuj landoj, interŝanĝi instruistojn kaj studentojn, peradi internacian korespondon de lernantoj, studentoj kaj instruistoj); 2e *por speciala internacia eduko* (kontroli lernolibrojn, instruistajn revuojn, porjunulan literaturon, instigi ĝeneralan instruadon pri la ligo de ĉiuj nacioj, enkonduki pacajn literaturon kaj tekstojn en lernolibrojn kaj paroladojn, stimuli la kreon de specialaj katedroj pri internacia eduko en la universitatoj k. t. p.); 3e *propaganda sekcio* kun subdividoj en ĉiuj landoj (stimuli la internacian federiĝon de instruistoj, studentoj, junkristanoj, pastroj, Esperantistoj, pacifistoj por komuna laboro pri internaciismo, por prepari tutmondajn edukkongresojn k. a.); 4e *revua sekcio* (publikigi ĉiumonate revuon: „Internacia eduko" en Angla, Franca, Germana kaj Esperanto).

Inter la certaj kunlaborontoj citindaj estas la konataj en la edukmondo: John Dewey, Felix Adler, Jane Adams, Fannie Fern Andrews, el Usono; Gould, Russel, Lord Avebury, el Britio; Seailles, Moulet, Buisson, Payot, el Francio; Fr. W. Förster, Benzig, Bloch, Höft, el Germanio; Ed. Claparède, Pierre Bovet, Instituto Binet, el Svisio, k. t. p.

Por pluaj informoj oni povas sin turni al S-ro Iv. H. Krestanov, Sonnenbergstr. 11, Bern (Svisio) aldonante respondkuponon.

∴ **Interplaneda komuniko.** — Kiel rezultas el interparolado de Angla ĵurnalisto kun Marconi, tiu ĉi fama elpensinto ŝajnas havi la opinion, ke interplaneda komuniko neniel estas neeblajo. Li apogas tiun konvinkon sur la eksterordinara disvolviĝo de la radiotelegrafio en la lastaj jaroj. Ni nun povas sendi radiotelegramon ĉirkaŭ la tuta tero. Marconi opinias, ke la eterondoj senlime pluvastiĝas kaj ke de la tero ili transkomunikiĝas al aliaj ĉielkorpoj kaj tiel plu ĝis senfine. Tial li esperas, ke ni iam povus rilati kun aliaj inteligentaj estajoj sur aliaj planedoj. Ke ni ĝis nun ne povis ricevi ian signon pri ili, li opinias ne grava, ĉar la radiotelegrafio estas ankoraŭ juna kaj ĉar komunikoj senditaj antaŭ jaroj ne povis jam atingi la plej proksimajn stelojn. La argumento, ke varmego aŭ atmosfermanko igas multe da planedoj neloĝeblaj ne ŝajnas al Marconi gravega. Li pensas, ke se la maro ne havus fiŝojn, ni opinius, ke nenia vivo tie ekzistas, ĉar ni mem ne povus vivi en la maro! Multe pli seriozaj estas la malhelpoj rezultantaj de la lingvo. Li opinias, ke oni devus unue sendi komunikojn, kiel du kaj du estas kvar, ĉar matematiko ja restas matematiko en la tuta universo, kaj post kelkaj jaroj oni povus starigi super tio interkomunikadon, komencante per la plej simplaj ideoj, k. e. „jes". Cetere Marconi asertas, ke jam ofte li ricevis per la etero strangajn signalojn, kiuj ŝajnis al li deveni el iu ajn loko ekster la tero, kaj li kredas, ke eble ili eliris el iu stelo.

Ni almenaŭ esperu, ke kiam ni komunikos kun alimondanoj ni uzos nur la internacian lingvon, kaj ne ĉiujn naciajn lingvojn, kiuj riskus rapide lacigi niajn korespondantojn.

∴ **La aera poŝto en Usono.** — En la jara raporto de la ĝenerala poŝtĉefo al la Usona Kongreso, estas detale priparolitaj la planoj pri la starigo de poŝtservo per aeroplanoj. Oni projektas tri ĉeflinioj kun multaj branĉlinioj al la gravaj urboj. La ĉeflinioj estas: De New York al San Francisco, de Boston al Key-West en Florida kaj de Key-West al Sud-Ameriko. Oni volas ne nur interligi la plej gravajn urbojn de la lando per aera poŝto, sed ankaŭ faciligi la rilatojn inter la Usonaj kaj la Mez- kaj Sud-Amerikaj urboj. Malgraŭ diversaj eraroj, la aera poŝto faris en Usono gravajn progresojn dum la milito, kaj oni antaŭvidas ankoraŭ pli grandan sukceson, kiam la ĝisnunaj spertoj estos sisteme utiligitaj kaj kiam ekzistos praktike ekzercitaj kondukistoj kaj elprovitaj maŝinoj. La aeraj komunikoj inter New York kaj Washington kaj New York kaj Chicago jam preterpasis la stadion de la provado, kaj oni nun vigle laboras je la starigo de novaj linioj.

 LITERATURO 

# La subakviĝisto Satamori

de **Maŭrico Scheyer**

D-ro Maurice Scheyer estas nuntempa German-Aŭstria verkisto kaj novelisto.

Satamori estis la unika Japano en Santos, timema, humila hometo, mizera, superflua kaj senpatruja kiel la abomena okre-flava polvo sur la sennombraj landvojoj, kiuj el la ardante elbakita urbo radioforme elkuras al la plantejoj. La lasta, malestimata kulio el la negrovilaĝoj tie antaŭ la semaforo vere estis ankoraŭ pli bone ol li; ĉar ekzistas almenaŭ ankoraŭ aliaj negroj en la golfo de Santos, parencoj kaj samgentanoj, amikoj kaj malamikoj, multaj, multaj negroj, tiel multaj, ke neniu homo trovas plu ion rimarkindan, se la stulta nigra popolaĉo en la haveno preskaŭ ĉiutage sin albatas en la vilajn lanharojn kaj poste tiu aŭ alia, mortigita per bonintencita tranĉilpiko aŭ revolvera pafo en la bruston, estas galope fortrenata sur la rapidmovaj duradaj ĉaroj de l' Assistencia Municipál. Sed kun Satamori neniu volis eĉ komenci malpacon; je tio malaltiĝis neniu. La nigraj malestimis lin, same kiel ili mem estas malestimataj de la blankaj; li estis simple por ili aero, nulo, finito; forlasite kaj perdite li staris tie ĉi kun la animo malsana de nostalgio, meze en fremda, malamika mondo.

Kiel ĝi propre okazis, ke la malgranda, malĝoja Japano estis ĵetita sur tiun venene verdan kaf-marbordon? Jes, tio estis sufiĉe malklara historio, kaj oni ne povis ŝiriĝi tre saĝa el tio, kion Satamori iun matenon provis rakonti en sia komike balbuta Pidgin-anglaĵo al la scivola Gly Cangalho, plej afable ridetante, sed kun kaŝite bruligaj larmoj en siaj rapideme palpebrumantaj, melankoliaj migdalokuloj.

Ĉiuokaze tio estas certa, ke li estis foje ŝipa knabo sur unu el tiuj puraj, netaj krozoŝipoj, kiuj de tempo al tempo post vojaĝo tra la Pacifiko faras al la Sudamerikaj havenoj Santos, Rio, Bahia Blanca, Valparaiso ĝentilan viziton, por ankaŭ al tiu ne sensignifa parto de l' mondo plej afable rememorigi la landon de l' leviĝanta suno. Ĉe similaj okazoj ankaŭ la lasta ŝipa knabo de l' imperiestra maristaro devas digne reprezenti la gloron, la pasintecon kaj la estontecon, la prestiĝon de Japanio, kaj eĉ la plej ridinda ofendo kontraŭ la disciplino estas severe punata. Nu, la malfeliĉo okazis al Satamori, kiam li en Santos havis por kelke da horoj elirpermeson sur la teron; eble li eltrinkis iom tro multe da mateo, eble ankaŭ, lia senpripensa juna sango, malgraŭ la malpermeso, ekscitiĝis, pro la sperta logado de l' havena virinaro, per unu vorto, li fariĝis malobea al iu superulo, kaj tio eĉ en la ĉeesto de Europaj maristoj. Satamori ne kuraĝis poste reveni plu sur la ŝipon, pro puntimo kaj honto. Li enŝoviĝis en magazenon de l' Companha da Docas da Santos malantaŭ veran monton da kafsakoj, kaj tie inter la arogantaj ratoj li eltenis tri tagojn kaj tri noktojn, tremante kaj tamen denove kun sovaĝa, urĝanta sopiro en la koro, ĝis fine la krozoŝipo malrapide depuŝiĝis de la kajo kaj malaperis trans la lumturo de Guaruja. Nur tiam li eltreniĝis el sia kaŝejo en la liberon.

Kaj tiel okazis, ke la malgranda Satamori iam troviĝis en Santos, for de l' patrina mildeco, for de l' karesanta, kvieta freŝeco de la hejmlando, la unika Japano en la timiga, ardon elspiranta urbo.

* * *

Ĉiun matenon, kiam la tropika suno simile al malsata venenserpento ankoraŭ embuskis malantaŭ la vaporantaj, jasmenblankaj nubodensaĵoj, ĉiun matenon kuradis Satamori al la kontoroj de l' ŝipagentejoj tie malsupre en la Rua Branco kaj deĉifradis kun peno la tabelojn, sur kiuj de la plej proksima radiostacio estis signalataj la alventempoj de la grandaj pasaĝeraj vaporŝipoj. Tie estis la „Gallia" kaj la „Lutetia", la ambaŭ rekordkurieroj de l' „Compagnie Transatlantique", tie estis la „Gerria" kaj la „Tubantia" de l' „Koninglijke Hollandsche Lloyd", plue la „Desna" kaj la „Denerara" de la „Royal Mail", plue la Germanaj, la „Cap Finisterre" kaj la „Cap Trafalgar" de l' Hamburg-Sudamerika Linio, senescepte grandegaj kestoj kun altaj, blindiĝe blankaj muroj kaj kvar kamentuboj, multaj etaĝoj, ferdeko super ferdeko, dense loĝataj monstroj, ĉiu klaso kompreneble severe apartigita por si, samtempe palaco kaj sufokaera luokazerno, ĉiuj instigantaj kontrastoj de la grandurbo, ĉiuj antaŭjuĝoj kaj kruelaĵoj de l' civilizo en plej proksima najbareco; mizero kaj superabunda riĉeco, rafinita voluptamo kaj mordanta zorgo, ĉiuj malvirtoj kaj ĉiuj doloroj.

Kiam, fine, la koloso jam fiksiĝis ĉe la kajo kaj la potenculoj de la estraroj, de la polico kaj de la sanitaroficejo jam feliĉe plenumis siajn gravajn formalaĵojn kaj refreŝiĝas en la fumsalono ĉe glaso da ĉampano, tiam komenciĝas la ŝarĝado: karbo, kafo, kokosnuksoj, bananoj, santalligno; estas vere nekredeble, kiom da ĉio povas engluti tia ŝipa ventro. La kulioj grimpas per la krutaj ferŝtupetaroj sur la ŝarĝferdekon tien kaj reen, la elevatoroj ĝemas, grincas kaj siblas, kaj en ĉi tiun bruon, polvaĵon kaj putrecan fiodoron enmuĝas la ŝarĝoficiro siajn ordonojn kaj siajn malbenojn. Kaj tio daŭras tiel dum kvar aŭ kvin horoj.

Dume tie sur la dua flanko de l' zorge ombrita promenadferdeko la unua klaso pasigas la tempon tiel bone kiel oni povas. Antaŭ la manĝosalono la ferdeka muziko elgurdas la stratmelodiojn de ĉiuj nacioj, pli supre sinjoroj kaj sinjorinoj sin turmentas per la neevitebla „shuffleboard", kelkaj ekspedas amasojn da bildkartoj al karaj, envioplenaj parencoj, aŭ lasas sin senĉese fotografi; aliaj sin apogas sur la balustradoj kaj rigardas obstine malsupren en la oleecan akvon de l' haveno.

En tia momento alnaĝadis Satamori, rajdsidante kuraĝe sur longa bruna trabo, tenante anstataŭ remilo tabulon en la manoj. Li faradis dolĉan kaj bonkoran mienon al la enuantaj blankvestitaj gesinjoroj, li montradis al ili novan, brilantan arĝentmoneron kaj aranĝadis malgrandan, impresantan pantomimon: oni bonvolu nur ĵeti al li malsupren tian belan arĝentaĵon, jes, oni risku ĝin kun la tuta trankvileco, li, Satamori, prenas sur sin la devon, en unu momento akurate ĉion denove eltiri sur la supraĵon. Iafoje, ne ĉiam, li havis sukceson. La moneroj flugis trans la ferdekon, kaj Satamori sin ĵetadis de sia trabo kapantaŭen fulmrapide en la profundon; post momento li reaperadis kontente sur la supraĵo kaj montradis, mi petas, triumfante inter siaj dentoj, la moneron. Tiun ĉi artifikon li ripetadis tri, kvar fojojn, ĝis li havis sufiĉe por tiu iometo da rizo kaj teo, kiun li ĉiuvespere post longaj marĉandoj aĉetadis en unu „canha" tie en la antaŭurbo. Santos estas terure multekosta.

Ne, pro Dio, ĝi estas nenia plezuro, kiel artisto-subakviĝanto en la golfo de Santos ĉe 34 gradoj da malseka tropikvarmego mizere vegetas.

* * *

Sed de tiu fatala tago, kiam Gly Cangalho elektis Santos por sia nova triumfrezidejo, povis okazi, ke la malgranda Satamori malfruis la enspezdonajn vaporŝipojn.

La rabobeste bela kreolino starigis por kelke da semajnoj sian kortegon en la marborda hotelo de Guaruja; tute subite, en atako de spleno, tio venis al ŝi en la kapon. Per sia fabela lukso, siaj trodorlotitaj nervoj de morfinistino, per siaj senbridaj kapricoj kaj frenezaj ideoj ŝi faris ĉion ribela, kien ajn ŝi venis en sia ekzotika nomada vivo. „Ŝi apartenas al la virinoj", konfesis foje Alfredo H., kiu sekvis ŝin obeeme tra ĉiuj kvin mondpartoj, „ŝi apartenas al la virinoj, kiujn oni eble tute ne amas, kiujn oni tamen avidas, toleras, kaj de kiuj oni ne povas elŝiriĝi. Oni restas al ŝi forperdita."

Ĉiun matenon Satamori kaŭris senmove kiel flava timigita muso malantaŭ alta malva bedo en la ĝardeno de l' hotelo kaj atendis pacience, ĝis Gly fine por matenmanĝo aperis sur la teraso. En la unuaj tagoj oni vane provis lin fortimigi, fine oni alkutimiĝis al lia ĉeesto kaj lasis al li lian volon; li kvazaŭ kunapartenis al la senviva

inventario de la domo. La gastoj, la dika Svisa pordisto kaj eĉ la malicaj liftbuboj, ĉiu ridetis nur indulgeme pri tiu junuleto, kiam li tiel dum tutaj horoj obstine kaŭris malantaŭ siaj malvoj kaj sub la rigardo de Gly pro estimo, sindoneco kaj adoro laŭvorte kuntiriĝis kaj kunruliĝis, kiam lin okaze iam bonvolis rimarki la kvinterona diino.

Kaj foje, verdire, ŝi faris al si la penon en sia plej propra personeco veni al li, Satamori, malsupren; blanka, eleganta kaj ridetanta, kun ora kombilo en la lumante varmaj, kuproblondaj rebriloj de siaj haroj ŝi venas malrapide pli proksime, rekte al li, kiu nun konvulsie ekokupiĝas pri ia malva trunketo, kaj poste li aŭdas neklare kvazaŭ tra ia peza, ensorĉita sonĝo ŝian dolĉe svenigan, profundsonore nuancitan voĉon, kaj ŝi metas al li du briliantornamitajn fingrojn sur la ŝultron, du fingrojn, malvarmetajn kaj molajn kaj ebriigajn, kiel la florkalikoj en la patrujo. Kaj Satamori kliniĝas ankoraŭ pli profunde, sed li povus en tiu momento suprenflugi en la ĉielon de l' perfekta feliĉeco . . .

* * *

Poste venas tia bela tago, kaj malsupre ĉe la kajo kuŝas denove granda rapid-vaporŝipo preta por forvojaĝo. La graciaj malgrandaj leviloj sur la babordo kaptas tre lerte dudek-ok kofrojn, ĉiu kun la monogramo G. C., kaj balancas ilin, unu post la alia, rapide malsupren en la pakaĵejon; poste du ĉambristinoj faras en la dormoĉambro de luksa kajuto veran barikadon el sennombraj valizoj kaj ĉapelskatoloj, fine aperas Gly Cangalho en blanka muslino sub oranĝokolora sunombrelo, malantaŭ ŝi Alfredo H. Sur la ferdeko estas kolektita por adiaŭo preskaŭ la tuta kolonio de Guaruja; la sinjoroj kisas al Gly la manon, la sinjorinoj ĉirkaŭprenas ŝin kaj ekspiras pli libere. Poste estas entirataj la ŝipaj pontetoj, la maŝintelegrafoj komencas tiktiki, la ferdeka muziko ekludas kaj la „Principessa Mafalda" depuŝiĝas singarde de la kajo, kie staras blankuloj kaj nigruloj en diverskolora amaso. Gly apogiĝas sur la balustrado de la ferdeko kaj svingas adiaŭe multekostan, ajurpuntan poŝtukon.

La vaporŝipo glitas malrapide jam preskaŭ en la mezo de l' veturkanalo, kiam alnaĝas Satamori, rajdsidante sur sia trabo. Gly ne povas deteni sin de rido; ŝi reŝovas la diamantan bukon de sia nigresilka saketo kaj nezorge elprenas brilantan ormoneron. Oni aŭdas ĝin ekplaŭdi sur la akvo. Por tuta sekundo Satamori levas la okulojn, kaj lia agonianta rigardo mortvundite suprenflugas al Gly, rigardo, granda de doloro kaj neesprimebla terursento. Poste li sin ĵetas kapantaŭen en la profundon.

Sed nunfoje li jam ne revenis kaj jam plu neniam.

Sur la ferdeko ludas plu la muziko . . .

Trad.: *D-ro Ardante Popolan.*

# Kial?

Originale, de **Zanoni**

Formiko ekvidis homon kaj rakontis al siaj kamaradoj, ke li certe estas la Dio, pri kiu revis de nememoreblaj tempoj la saĝuloj inter la formikaro. „Ĉu tiu Dio estas bona, — ĝi aldonis — ĉar li singarde helpis min plenumi mian laboron kaj sendanĝere atingi nian formikejon." — Foje petola bubo detruis per bastono la tutan formikejon. Konfuzite kaj terurite la formikoj diskuris, por savi almenaŭ la nuran vivon. Kun peno rekonstruante sian domon la formikoj murmuris kontraŭ la supozita Dio; ili ne povis kompreni, kiamotive li detruis tion, kion li antaŭe protektis tiom zorge.

La fulmo frapis domon kaj cindrigis tutan urbon. La homoj murmuris kontraŭ sia Dio. La plej saĝaj inter ili diris: „Jen meritita puno pro via malpia konduto! Rigardu en vian koron kaj ŝanĝiĝu, por ke Dio kontraŭ vi ne plu koleru!" — Ili do preĝis tage kaj nokte kaj eĉ konstruis novan majestan katedralon; sed baldaŭ poste tertremado forglutis la tutan landon kune kun la preĝejoj kaj la homoj. Kial?

# Amdeklaro

de **Heinrich Heine**

*Krepuskvestite venis la vespero,*
*Pli sovaĝe batis mar-alfluo,*
*Kaj mi sidis ĉe l' bord', rigardante*
*Al la blanka danc' de l'ondoj,*
*Kaj mia brust' leviĝis kiel maro,*
*Kaj min kaptis profunda sopiro*
*Al vi, ho ĉarma bildo,*
*Kiu ĉiam min ĉirkaŭas,*
*Kaj ĉie min vokas,*
*Ĉie, ha ĉie.*
*En muĝ' de l' vento, en bru' de l' maro,*
*Kaj en sopir' de l' propra brusto.*

*Per kan' malpeza mi skribis en sablon:*
*„Anjo, mi amas!"*
*Sed la ondaro tuj superverŝis*
*Mian dolĉan amdeklaron,*
*Kaj forviŝis ĝin malice.*

*Rompebla kano, cedema sablo,*
*Disfluaj ondoj, vin plu mi ne fidas!*
*Ĉiel' mallumiĝas, mia kor' pli ekardas,*
*Kaj per man' forta el norveg-arbaroj,*
*Mi elŝiras plej altan abion,*
*Kaj ĝin entrempas*
*En de Etno ardantan faŭkon, kaj per tia*
*Fajrotrempita giganta plumo*
*Skribas sur nigra la firmamento:*
*„Anjo, mi amas!"*

*Kaj ĉiunokte flagrados poste*
*Supre l' eterna flamanta skribo,*
*Kaj ĉiuj pluaj nepgeneracioj*
*Kun ĝoj' legados la ĉielvortojn:*
*„Anjo, mi amas!"*

Trad.: *D-ro Ardante Popolan.*

# *Al niaj abonantoj*

*La personoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, estas petataj sendi al ni la reabonpagon kiel eble plej baldaŭ por eviti ĉiun prokraston en la ekspedado de la gazeto.*

* * *

*Abonejoj por la landoj, de kie internaciaj poŝtmandatoj nun ne estas sendeblaj:*

*Aŭstrio:* D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Bohemio:* Administrejo de „La Progreso", Radynská 10, Plzeň.

*Hungario:* Librejo Kokai Lajos, Kamermeyer Karoly u., Budapest IV.

*Polio:* Adolf Oberrotman, Krak. Przedmiescie, Warszawa.

*(Abonprezo por tiuj landoj: 12 Kronoj. Luksa eldono: 14 Kronoj.)*

* * *

*Tiu ĉi numero aperas kun 20 paĝoj. Varbu novajn abonantojn, se vi deziras, ke ni realigu pluajn progresojn!*

# Novaj perspektivoj

IV.

La celo de nia propagando estas la formado de veraj Esperantistoj, t. e. de personoj bone sciantaj nian lingvon kaj ĝin uzantaj. Por atingi tiun celon ni skribas artikolojn, faras paroladojn, aranĝas kursojn, sed la faktoj devigas nin konstati, ke el la multaj personoj, kiuj eklernas Esperanton, nur malmultaj fariĝas „veraj Esperantistoj“. El Esperanta kurso, kiun komence vizitas ekzemple trideko da lernantoj, ofte nur la duono persistas ĝis la fino, kaj el tiu duono tri aŭ kvar daŭrigas poste interesiĝi al nia movado. Lernis nian lingvon verŝajne unu miliono da homoj, sed UEA, celanta kunigi la Esperantistojn, kiuj havas internaciajn interesojn, kalkulas nur kelkajn milojn da membroj. Do, granda diferenco inter la peno kaj la rezulto.

Tiu stato havas kaŭzojn. La unua kompreneble estas, ke la pli multaj homoj estas ne persistemaj. La mondo estas plena de diletantoj, kiuj entuziasme eklernas ian lingvon, sciencon aŭ sporton, sed post kelka tempo malentuziasme forlasas la komencitan laboron. Kontraŭ tiu malbono, de kiu suferas ankaŭ aliaj progresemaj movadoj, ni estas ja senpovaj. La Esperantistoj havas nek la celon, nek la povon ŝanĝi la homan naturon. Sed tiu ĝenerala kaŭzo ne sufiĉas por klarigi la supre aluditan mankon. Alia grava kaŭzo kuŝas en tio, ke lernintе nian lingvon multaj ne uzas ĝin, ne scias kiel ĝin uzi kaj sekve forgesas ĝin rapide.

Ekzistas Esperantistoj, kiuj opinias, ke Esperanto estos venkinta, kiam per registara dekreto ĝi estos devige instruata en la ĉiulandaj lernejoj. Ili konsideras la tutan problemon nur el tiu vidpunkto. Nu, tio tute ne sufiĉas. Se samtempe kun la instruado en la lernejoj, oni ne aranĝas praktikajn servojn, per kiuj la lernintoj povos tuj utiligi la jus akiritan scion, oni atingos tre mizeran rezulton. En ĉiuj gimnazioj de la mondo oni nuntempe instruas la latinan lingvon. Praktike ĝi estas senutila, krom al la kleruloj sin okupantaj pri filologio, al la katolikaj pastroj kaj . . . al la profesoroj de latina lingvo. Ĉar la lernintoj ne havas la okazon ĝin uzi, ili forgesas ĝin kelkan tempon post la eliro el la gimnazio. Certe, la latina lingvo estas multe pli malfacila ol Esperanto, sed oni aliparte dediĉas al ĝia studado multe pli da tempo. En la mezepoko la latina lingvo ne estis pli facila ol nun; tamen preskaŭ ĉiuj intelektuloj uzis ĝin, skribis en ĝi siajn verkojn, parolis ĝin. Nuntempe oni ĝin instruas al pli multaj homoj ol antaŭe, sed ĝi estas multe malpli utila. Tio montras, ke ne sufiĉas instrui lingvon en la lernejoj, por ke ĝi estu vivanta lingvo, praktike uzata.

La klopodoj por instigi al la uzado de la lingvo estas do ne malpli gravaj ol la propagando. Al la vorto „uzado“, oni kompreneble ne devas doni tro mallarĝan, nek tro materian sencon. Spirita utileco ne estas malpli ŝatinda ol materia. Al la turisto, kiu uzas ĝin dum vojaĝo eksterlande, Esperanto estas utila; ĝi estas utila al la komercisto, kiu per ĝi trovas novajn klientojn, sed tio estas nur la plej konkretaj kazoj. Esperanto estas ankaŭ utila al la persono, kiu per ĝi korespondas kun eksterlandanoj kaj tiamaniere plivastigas sian spiritan horizonton, ekkonas fremdajn morojn, kondiĉojn, ideojn; ĝi estas utila ankaŭ al tiu, kiu ŝatante la lingvon mem, tradukas en ĝin kaj tiel pliakrigas sian lingvosenton kaj pliriĉigas siajn kapablojn. Esperanto ja multmaniere povas esti utila, sed tiun utilecon ĝian oni devas sentigi al la varbitoj kaj pligrandigi. Ni konstante devas serĉi, kiel oni povas igi nian lingvon pli lerninda, ĉar pli utila. Gvidi kurson estas nur parto de la tasko de niaj propagandistoj kaj eĉ la plej facila; ĉefa estas konservi kaj daŭre alligi al Esperanto la varbitajn personojn. Pri tio oni ne sufiĉe atentas. La kursestro kredas, ke lia tasko finiĝis kiam li atingis la lastan lecionon; fakte, nur tiam ĝi komenciĝas. Peti de la lernintoj kotizajon por la grupo kaj aranĝi feston por soleni ilian Esperantistiĝon tute ne sufiĉas; oni devas, jam dum la kurso, doni okupon, celon al ĉiu lerninto, sentigi al li, ke Esperanto estas nur ilo, kiun li uzu por siaj interesoj. Ĝuste tial estas multe pli bone aranĝi kurson por samprofesianoj kaj sampartianoj, al kiuj oni povas de la komenco montri komunan praktikan celon, kiu ilin ĉiujn interesas, ol ĝeneralan kurson, kie partoprenas ĉiuprofesiaj kaj ĉiukondiĉaj personoj sen io ajn komuna inter ili krom la deziro lerni Esperanton. Ankaŭ pro la sama kaŭzo malgrandaj kursoj, kie la instruanto povas okupiĝi pri ĉiu unuopa lernanto, estas pli bonaj ol grandaj kursoj, kie la individueco de la lernantoj malaperas. Ni neniam oferu la kvaliton al la kvanto.

Tiel same ni ankaŭ ne devas kredi, ke ĉiu ajn homo nuntempe povas fariĝi vera Esperantisto. Oni ofte vidas en Esperantaj kursoj kaj grupoj personojn, kiuj ne bezonas nian lingvon, ĉar ili ne havas ian internacian intereson. Ili mem ne scias, kial ili ĝin eklernis. Nur al la festoj kaj dancoj organizitaj de la grupo ili interesiĝas. Tiaj dancemaj „Esperantistoj“ ofte tedpelas el la grupoj la pli seriozajn individuojn, kiuj vidas en nia afero ion pli altan ol pretekston por amuziĝoj. Inverse, ekzistas multaj personoj, kiuj jam nun havas internaciajn interesojn, sed ne lernas Esperanton, kvankam ĝi al ili povus esti utila. Ekzemple, ĉe la lasta internacia socialista konferenco en Bern, kies ĉiuj partoprenantoj ofte rilatis kun eksterlandaj sampartianoj kaj kies idealo estis internaciema, neniu sciis Esperanton kaj eĉ la pli multaj apenaŭ konsciis pri la graveco de la problemo; tamen la maloportunaĵoj de la lingva diverseco estis evidentaj kaj konfesataj de ĉiuj.

Ĝis nun ni proponis Esperanton al ĉiuj homoj, tute egale, ĉu ili bezonas ĝin aŭ ne. Multegaj ĝin eklernis, sed nur kelkmiloj ĝin ellernis kaj uzas. Ĉu estonte ne estus pli saĝe turni nin unue al tiuj, kiuj jam nun povus tuj utiligi Esperanton por siaj profesiaj aŭ ideaj bezonoj? Unu tia varbito pli valoras ol dek festemuloj, kiuj balbutas Esperanton. Nepre ni devas pli kaj pli klopodi por enkonduki Esperanton en la specialistajn rondojn, al kiuj ĝi tuj povas utili. Sed por esti efikaj, tiuj klopodoj devas esti internaciaj kaj samtempaj. La plej laŭdindaj iniciatoj restas senefikaj, se ili estas pure lokaj. Multe pli bone estas Esperantistigi dudek samprofesianojn loĝantajn en dudek diverslandaj urboj kaj ilin tuj interrilatigi por praktika kunlaborado, ol Esperantistigi cent en la sama urbo.

Koncerne la praktikan utiligon de nia lingvo, oni devas konstati, ke de post la kreo de UEA kaj grandparte sub ĝia rekta aŭ nerekta influo, atentindaj progresoj estis faritaj. Antaŭ la milito multaj interesaj praktikaj aplikoj jam estis realigitaj kaj pruvis, kiom nia lingvo povas utili, eĉ kun la ĝisnuna nombro de adeptoj. Oni devas daŭrigi energie laŭ tiu direkto, kaj unue restarigi tion, kion detruis la milito. Gravaj progresoj povas kaj devas esti farotaj. Esperanto ne ankoraŭ estas tiel utila kiel ĝi povus esti, se ĉiuj Esperantistoj dediĉus sian tutan atenton al tiu ĉefgrava problemo. Ankoraŭ tro multaj en niaj vicoj opinias, ke Esperanto estos utila nur kiam ĝi estos tutmonde disvastigata. Ankoraŭ tro multe da grupoj havas ekskluzive lokan vidpunkton kaj neniel interesiĝas pri tio, kio okazas trans la horizonto de ilia urbo. Ankoraŭ tro multaj Esperantistoj konsideras Esperanton kiel aferon, pri kiu oni okupiĝas (aŭ eĉ ne okupiĝas) dum unu horo semajne ĉe la grupkunveno, sed pri kiu oni seninteresiĝas dum la cetera tempo, kvazaŭ ĝi estus nur ludo. Tio, kion ni emfaze nomas la „triumfo de nia afero“ ne estas io estonta kaj malproksima; tiu triumfo konsistas el aro da ĉiutagaj konkretaj sukcesetoj nun realigeblaj. Esperanto „triumfas“ ĉiufoje kiam ĝi servas al iu.

*(Daŭrigota.)*

*H. Hodler.*

# Inter ni

*Ne tro kontenta pri la ĝisnuna laboro de la diplomatoj, unu el la partoprenantoj je la packonferenco diris al mi antaŭ kelkaj tagoj: „Ĉi tio estas plej malgaja stato, ke ĉion ajn oni kreis por la plenumo de naciaj devoj aŭ deziroj, sed ekzistas dume neniu internacia instituciо por ebligi al la homoj plenumi iliajn homarajn devojn aŭ eĉ simple liberavole helpi iliajn alilandajn fratojn ĝenerale.“ Malkuraĝigite pri la rezultatoj de la politiko, tiu Amerika delegito daŭrigis esprimi sian bedaŭron pri la klarigita manko. Tiajn detalajn vortojn li uzis, ke nur unu ekkrio povis veni al miaj lipoj: „UEA! jen tia rimedo, kian vi deziras. Per internacia lingvo ĝi ekzistas kaj jam funkciadas ankoraŭ humile, sed sufiĉe forte por doni praktikan ekzemplon kaj havigi bazon al tutmonda interhoma helpado.“*

*Efektive neniam sentiĝis en la tuta mondo ĉe la plej bonaj elementoj de la popoloj tia sopiro je io pli efika ol politiko por realigi la grandan internacian rondon, kiun la packonferenco tiel malfacile provas starigi per Ligo de Ŝtatoj. Rekte inter si devas interrilati la popoloj, ne ĉiam per helpo (aŭ pli ofte malhelpo) de jurnalistoj kaj diplomatoj.*

*Kia organizo pli facile ol UEA povus kontentigi tiun bezonon? Per lernado de internacia lingvo la homoj ricevas la eblon faligi la plej gravan barilon inter si kaj povas baldaŭ senti sin vere civitanoj de la mondo. Per UEA ili ricevas la praktikan rimedon por utiligi la internacian lingvon kaj realigi tiun homaran senton.*

*Dum kvin jaroj ili devis ĉefe pensi je sia propra nacio. Hodiaŭ multaj el ili eĉ ne scias, kiel ili faros por retrovi pli normalan kaj pli homan vivadon. Jen venas la tempo por vasta Esperanta propagando. Timante ĉiuspecajn novajn malordojn aŭ revoluciojn, multaj el la plej bonaj ne kuraĝas agi. „Je kio utilas agado, se novaj mondŝanĝoj devas ankoraŭ veni?“, ili ofte diras kaj atendadas nenion farante.*

*Unu solan laboron mi konas, pri kiu oni povas esti certa, ke neniu politika ŝanĝo aŭ socia skuo ĝin atingos, tio estas Esperantismo. Tial ni ĉiuj de nun revigligu nian movadon ne atendante plu. Neniam estis la horo pli favora, kiam ĉio cetera ŝajnas duba kaj ne daŭra.*

*Edmond Privat.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Konferenco de la Aŭstraliaj Esperantistoj

Laŭ la invito de la Esp. Societo Melburna delegitoj el la provincoj New South Wales, Queensland kaj Victoria kunvenis en Melburno la 21—23 oktobro por diskuti rimedojn por progresigi la Esperantan movadon en Aŭstralio.

Antaŭe, la delegitoj kaj Melburnaj samideanoj vizitis la Universitaton, por aŭdi parolon pri Esp. de S-ro L. E. Thomson ĉe la konferenco de Workers' Educational Association (Eduka Asocio de Laboristoj) sub prezido de S-ro Harrison Moore, dekano de la fakultato de juro. S-ro Meredith Atkinson, profesoro de ekonomio, ankaŭ parolis, kaj la sekvanta diskuto estis ĉefe laŭda al Esperanto. En la vespero la delegitoj estis akceptitaj ĉe la prez. de la Esp. Societo Melburna, S-ro J. C. Pyke, en amika kunveno. Alestis ĉirkaŭ 150 Esp-istoj. Oni ludis originalan komedion en Esp.: „Balboni, Mansfeld kaj Vojeĉek, Bankieroj“, verkitan de „Ezoko“ (S-ro J. C. Pyke). Sekvis vespermanĝo kaj danco kaj kora dankesprimo al la sindona gastiganto.

La laboraj kunsidoj de la konferenco okazis la 22 kaj 23 vespere. Oni elektis la prez. de la Esp. Societo Melburna, S-ro J. C. Pyke, prezidanto de la konferenco kaj S-ron A. E. Mason Beatty, paca juĝisto (el Brisbano), vicprezidanto de la konferenco.

S-ro E. A. Pryke (el Barraba, N. S. W.) legis tezon pri „Esp. en komerco kaj edukado“ kaj proponis starigi asocion de Aŭstraliaj Esp-istoj. S-ro Mason Beatty subtenis la proponon, kaj post plena diskuto la kunsidantoj unuanime aprobis ĝin.

S-ro Pryke proponis kaj S-ro Cohen subtenis, ke la fondota Asocio speciale klopodu, ke Esp. estu enkondukata kiel eble plej baldaŭ en la programojn de ĉiuj lernejoj; ĉi tiun proponon, kiun subtenis multe da leteroj el aliaj provincoj, la konferenco aprobis.

Oni ankaŭ decidis rekomendi al la Asocio: 1e ke ĝi enketu pri la ebleco eldoni gazeton en Aŭstralio, kaj klopodu, ke la Brita Esp. Asocio starigu tie agentejon de libroj; 2e ke ĝi elektu specialan propagandan komisionon por la enkonduko de Esp. en la Aŭstralian komercon; 3e ke ĝi faru manifestojn en diversaj provincaj centroj, prezentante komediojn kaj koncertojn en Esp. por propagandi la lingvon kaj starigi grupojn. Oni diskutis proponon el Sidney: „ke oni komencu intergrupan korespondadon kun ĉiuj grupoj, kie ajn estas eble, elektante tiajn temojn, kiel scienco, historio, geografio k. c., kaj informante la publikon, ke ĉi tiuj instruaj kursoj estas komencotaj“, kaj decidis komuniki la proponon al ĉiu grupo por ĝia individua agado.

La konferenco rekomendis la aranĝon de intergrupa korespondado kaj aprobis proponon, ke kiam oficisto aŭ eminenta membro de grupo vizitos alian provincon, oni antaŭe informu la grupojn en la regiono, por ke okazu almenaŭ neformala kunveno por interŝanĝo de ideoj.

La konferenco esprimis sian varman dankon al S-ro H. Stead, posedanto kaj redaktoro de la „Stead's Review“ pro lia helpado, metante spacon en sia revuo por la propagando de Esp., kaj al Baronino de St. Eon, kiu altiris al Esp. la atenton de influaj personoj.

Estis decidite, ke la venonta konferenco okazu en Sydney dum Pasko 1919.

## Kunveno de la Katalunaj Esperantistoj

Ankoraŭ unu fojon la Katalunaj samideanoj volis fari publikan elmontron de sia fervoro por nia celado, samtempe diskutante kaj aprobante la plej taŭgajn decidojn por la prospereco de la movado en la propra lando. Malgraŭ la cirkonstancoj, la entuziasmo kaj sindonemo de la kunvenintaj Esperantistoj ne estis malgranda.

La kunveno okazis dimanĉon 12 januaro en la granda salono de la grava Barcelona societo „Ateneu Enciclopèdic Popular“. En la ĉeesto de multaj samideanoj kaj de ĉiuj membroj de la Direkta Komitato, la prez. de la K. E. F. S-ro Marián Solá malfermis la kunvenon per mallonga kaj elokventa alparolo, priskribante la agadon de l' komitato dum la jaro, kaj reliefigante la necesecon daŭrigi la serion de la ĉiujaraj naciaj kongresoj.

S-ro Solá legis la petskribon, kiun la K. E. F. sendis al Prezidanto Wilson kaj ceteraj regantoj kunvenantaj en la Pacokonferenco. Ĝia redaktinto, D-ro Bremón, klarigis la celon de tiu dokumento kaj la bezonon montri al ĉiuj, precipe al tiuj, sur kiuj pezas la grava tasko starigi longan kaj daŭran pacon inter la nacioj, kiel Esp. povas efike helpi tiun taskon. Oni decidis sendi kopiaĵon ankaŭ al la internacia socialista kongreso en Bern. Interalie oni legis la sekvantan proponon de la grupo „Barcelona Stelo“: „La kunveno decidas gratuli la Prezidanton de la Popolaj Komisaroj en Rusio pro la dekreto pri la instruado de Esp. en la publikaj lernejoj. (Ni ĝis nun ne povis ricevi konfirmon pri tiu decido. — *Red.*)

S-ro Gili proponas ankaŭ, ke oni petu la komitaton de la Ekspozicio de Elektraj Industrioj pri la aranĝo de „Esp. Pavilono“. Unuanime estas aprobita la propono pri la reelekto de la komitato ĝis la dato de la proksima kongreso de K. E. F.

D-ro Bremón prezentis poste la jenajn proponojn:

1e La K. E. F. sin turnu al la ministro-prezidanto de la Hispana Ŝtato kaj al la ministro de la publika instruado kun la peto enkonduki Esp. en la unuagradan kaj superan instruadon en ĉiuj Hispanaj lernejoj kun la celo, ke la diverslingvaj Hispanoj posedu taŭgan kaj universalan interkomunikilon inter si kaj la eksterlanduloj.

2e Peti la prezidanton de la komuna organizo de Katalunio la enkondukon de Esp. en la Katalunajn lernejojn en la okazo, se ĝi prenos sur sin la publikan instruadon.

3e Sendi koran gratulon al la pioniro de Esp. en Katalunio S-ro F. Pujulá i Vallés okaze de lia baldaŭa reveno kaj malfermi monkolekton por honori lin per arta donaco.

Ĉiuj proponoj estas aprobitaj.

La kunveno montras jam la leviĝon de l' nova tago, kiu sekvos la longan mallumon de l' milito, kaj la deziron de ĉiu sentatan, revivigi la antaŭan prosperecon kaj sukceson de nia movado.

La proksima kongreso okazos en Manlleu dum aŭgusto 1919.

(Laŭ la Bulteno de K. E. F.)

---

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

## Aŭstrio.

*Graz:* En sia jarkunveno, Stiria Esp. Societo elektis novan estraron: prez. D-ro W. E. Dietl, sekr. K. Bartel, kas. R. v. Caliste. — *Wien:* Oni intencas fondi German-Austrian Esp. Asocion, kaj Esp. servon, kiu donos informojn pri la lando. S-ro Kaftan klopodas aranĝi konstantan Esp. ekspozicion. La Akademia Asocio Esp. sendis delegitaron al la rektoro de l' Universitato por peti lin pri aranĝoj por Esp. Ankaŭ la ĉefepiskopo Kardinalo Piffl promesis favori Esp. S-ro Franz Egger, redaktoro de „Phoenix", revuo por la stud. junularo, aliĝis al kurso. Okazis dua plezur-kunveno, por kiu la salono preskaŭ ne sufiĉis. I. a. oni prezentis „La demando de la sorto" de la Viena poeto A. Schnitzler, trad. de S-roj Weiss kaj Steinhauer. Du novaj kursoj por komencantoj kun 60 l. kaj tri aliaj por progresintoj. En la „Christliche Familie" aperas Esp. angulo, redaktata de S-ro F. W. Illing.

## Belgio.

*Verviers:* Dum la milito la movado ne ĉesis. Okazis multaj paroladoj kaj kursoj, i. a. ĉe la popola universitato. Ili rekomencos post kelka tempo.

## Bohemio.

*Karlsbad:* Okazis parolado de S-ro Ulbert antaŭ ĉ. 180 p. Oni malfermis kursojn kun 150 p., kaj grupo fondiĝis. Esp. havas por la mondfama kuracurbo Karlsbad gravan signifon. — *Olomouc:* Al Esp. deputitaro sendita okaze de lia vizito, S-ro G. Haberman, ministro por instruado, esprimis sian simpation al Esp. kaj promesis subteni nian movadon laŭforte. S-ro Juc Friedrich paroladis pri la utileco de Esp. dum la milito. Okazas kurso por Urzulinoj; 20 l. — *Osek ĉe Rokycany:* La gimnastika asocio malfermis kurson por siaj membroj. La lerneja direktoro, S-ro A. Strnad paroladis pri L. I. S-ro J. Pech gvidas kurson por 70 gejunuloj. — *Praha:* S-ro Boschan malfermis kursojn post parolado. Okazis ankaŭ ekspozicio. La „Rondeto de Esp-inoj" aranĝis amuzvesperon. Vigla Esp. vivo.

## Britio.

*Glasgow:* Ĉe la ĉiujara kunveno, prezidata de S-ro G. Douglas Buchanan, S-ro Soichi Tsuchiya paroladis pri „Japana lingvo kaj literaturo", montrante la valoron de Esp. por Japanio. La konversacia klubo „Parol-Rondo" daŭrigas helpi la komencantojn, kaj la muzikaj vesperoj estas allogaj. S-ro White paroladis ĉe la Stenografa Asocio. — *Liverpool:* La „Liverpool Weekly Courier" publikigis artikolon pri UEA. Oni vigle preparas la dekan Britan Kongreson, okazontan dum Pentekosto. — *London:* La Literatura kaj Debata Societo ellaboras planon por interesigi eminentajn Anglajn verkistojn pri Esp. Klopodoj por kapti la instruistojn kaj forte starigi nian lingvon en la lernejoj estas farotaj. — *Ripponden:* S-ro Emmett gvidas kurson. — *Pembroke:* S-ro Adams gvidis sukcesan kurson. — *Sheffield:* S-ro John Pollen faris publikan paroladon pri Esp. kaj la Ligo de la Nacioj. — *York:* Parolado okazis ĉe kunveno de la Societo de Viroj de la Anglikana Eklezio.

## Danio.

*Kopenhago:* Ĉe kunveno de la Societo de Danaj Esp-istoj F-ino Astrid Rybo parolis pri la celo de Esp.; sekvis koncerto. S-ro E. Dehn faris paroladon pri „Esp. kaj Pacifismo". F-ino M. Noll paroladis en la abstina societo „Verdandi". La membroj tre interesiĝis kaj deziris kurson. Okazis la ĝenerala kunveno de la Esp. Unuiĝo de Danaj Instruistoj. Laŭ la raporto de l' prez., F-ino Asta Mikkelsen, estas komencita grava interlaboro de la Skandinavaj Esp. instruistaj unuiĝoj. F-ino Knudsen el Odense kaj S-ro Sorensen en Skelskor raportis pri instruado de infanoj. F-ino Mikkelsen mem instruas 13 knabojn de sia propra klaso. — *Kolding:* Dum julio tie okazos la jarkunveno de la Danaj Esp-istoj. Oni sin turnu al S-ro M. E. Israelsen, Norre Farimagsgade 55, Kopenhago.

## Finnlando.

*Abo:* La grupo vekiĝis. S-ro Niilo Jalava gvidas kurson, kiun fervore partoprenas 40 p. — *Laihia:* Oni fondis vesperan lernejon, kie Esp. estas unu fako. — *Helsingfors:* Estas aranĝata Esp. oficejo (prov. adr.: Mikonk 23). En ĉiu kunveno okazas publika parolado aŭ legado. Komercistoj Kilpi kaj Ahti donacis al E. A. F. 1000 Markojn, la firmo Aarnio kaj Lehtinen 2000 M.

## Germanio.

*Breslau:* S-ro Mielert parolis en katolika profesia komercista junulin-unuiĝo. 60 p. sin anoncis por kurso gvidota de F-ino Weber. — *Chemnitz:* Okazis multnombre vizitita vespero, dum kiu estis ludata la komedieto „Sinjoro Herkules". Novaj kursoj estas gvidataj de S-ro Kirsten. — *Düsseldorf:* La „Verda Stelo" denove plivigliĝis. — *Dresden:* La laborista grupo aranĝis kurson partoprenatan de 23 l. — *Eisenach:* Dum Esp. festo estas aranĝita ekspozicio. La movado prosperas. — *Frankfurt a. Main:* La grupo restariĝis. — *Hamburg:* Bahia-Unuiĝo disdonis flugfoliojn pri nia lingvo. — *Köln:* Paroladoj kaj kursoj por komercistoj kaj socialistoj estas aranĝataj. — *Lübeck:* D-ro A. Möbusz gvidas kurson; 38 p. — *München:* S-roj Koch kaj Meier gvidas kursojn por komencantoj kaj progresintoj. — *Münster i. W.:* La kluba vivo rekomenciĝis. — *Offenbach a. Main:* La „Offenbacher Zeitung" publikigis artikolon. S-ro Gumbinger paroladis; kurso kun 15 p. komenciĝis. — *Plauen i. V.:* La grupo reviviĝis. Okazis multnombre vizitita memor-soleno por la Majstro. Novaj kursoj por infanoj kaj plenkreskuloj. Perinfana disdonado de alvokoj pri Esp. tre sukcesis. — *Potsdam:* S-ro Markau komencis novan kurson. — *Regensburg:* S-ro Meier vigle propagandas inter la anoj de la supera reallernejo. — *Stuttgart:* S-ro Böning gvidas kurson. — *Wormbach:* D-ro Dempewolff parolis en la instruista unuiĝo.

## Hispanio.

*Barcelona:* Sro R. S. Rocamora parolis pri la utileco de Esp. inter la laboristoj kaj en la komerco. S-ro J. Pujol gvidis kurson. Estis kurso ankaŭ en la „Ateneo Democràtic", ĉeestata de 35 knaboj de 7 ĝis 12 jaroj. — *Manlleu:* Tie ĉi okazos la 15 aŭgusto la VIIIa Kongreso de la Kataluna Esp. Federacio. La grupo „Esp. Amikeco" baldaŭ malfermos kursojn. — *Reus:* La ĵurnalo „Diario de Reus" publikigis la petskribon, kiun la Kataluna Esp. Federacio sendis al Prezidanto Wilson. — *Sabadell:* Estis malfermataj kursoj

multnombre ĉeestataj. — *Tarrassa:* Tri kursoj gvidataj de S-ro Puig, alia en la kunvenejo de grupo „Lumon". Specialan fakon por propagando organizis S-ro Chaler, Del. de UEA.

## Hungario.

*Budapest:* S-ro J. Balkányi sukcese parolis en la viringimnazio. Okazis parolado en la Inĝeniera kaj Arkitekta Societo. Post permeso de la scienca Universitato instrui Esp. en la dua semestro, D-ro L. Lórand komencis siajn prelegojn per detala klarigo de la diversaj provoj de L. I. ĝis nun. Deputitaro estis ĉe la ĉefministro Berinkey kaj proponis la uzon de Esp. inter la Hungaraj oficistoj kaj naciecoj; li promesis sin okupi pri la afero. La landa societo gvidas 7 kursojn. Dum jarkunveno de la N. E. S. okazis sukcesplena vesperfesto, kun paroladoj, deklamaĵoj, muzikaĵoj. Estis elektita kiel prez. D-ro Leo Lórand, 1. sekr. S-ro Franz Körösi kaj kas. S-ro Elek Tolnai. La loka gazetaro favore raportis. — *Miskolc:* Kurson por komerclernantoj en la komerca lernejo gvidas S-ro M. Bendetz. Kursoj ankaŭ malfermiĝos ĉe fervojistoj kaj oficistoj de ferfabriko, ĉe socialdemokrataj laboristoj, k. t. p. — *Szeged:* D-ro A. Végh gvidas kurson en la fervoja komerc-oficejo kun 26 p. kaj S-ro P. Turzo alian kun 24 p. — *Temesvár:* Nova kurso kun 31 p., gvidata de S-ro A. Bambach. — *Ungvár:* D-ro Andor Szöke, sekve de la petoj de socialdemokratoj kaj fervojistoj, gvidas du kursojn kun pli ol 200 p.

## Italio.

*Milano:* La socialista komunuma administrantaro, precipe pro la iniciato de samideano D-ro Filipetti, komunuma konsilanto, malfermis senpagan kurson, kies sukceso estis grandega. Pli ol 350 personoj el ĉiaj profesioj, studentoj, instruistoj, laboristoj, sin enskribigis. La kurson gvidas Prof. Lupi. Post ekzamenoj diplomoj estos disdonataj. Oni scias, ke aliaj urboj kiel *Bologna, Cremona, Napoli* estas sekvontaj la ekzemplon de Milano.

## Nederlando.

*Haarlem:* La socialista Esp. unuiĝo ageme laboras. Nova kurso komenciĝis, gvidata de S-ro Bakels. La socialista gazetaro ĉiam akceptas artikolojn pri Esp. — *Hengelo:* La mondkonata firmo Gebr. Stork kaj K-io estas tre favora al nia movado. — *Utrecht:* Okazis la lasta kunveno de la „Militista Esp. Societo". Post fruktodona laboro dum la mobilizado, la societo disiĝis, donante la monon al kelkaj enlandaj grupoj.

## Polio.

*Lodz:* Okazis la jara kunveno de la membroj de UEA (77 en 1918), ĉe kiu la Del., S-ro A. Hintz, raportis pri la lastjara agado. Oni decidis eldoni gvidfolion tra Lodz kaj gvidlibron tra Polio kaj ankaŭ aranĝi ekskursojn.

## Portugalio.

*Lisboa:* La grava gazeto „O Seculo" publikigis artikolon pri Esp. en Japanio, instigante la Portugalajn firmojn respondi al la alvoko de la Japana komerco lernante Esp.

## Svisio.

*Basel:* Okaze de la ĉi-jara Svisa specimenfoiro (24 aprilo ĝis 8 majo) estas aranĝotaj Esp. ekspozicio kaj Esp. tagoj kun publikaj paroladoj kaj disdonado de propagandiloj. La foirestraro estas favora al Esp. D-ro Uhlmann parolis en la framasona societo. Kurso malfermiĝos. — *Genève:* S-ro Hans Jakob faris paroladon ĉe la grupo „La Stelo" pri sia lastjara vojaĝo en Aŭstrio, Hungario kaj Bosnio-Hercegovino. — *Lausanne:* La grupo malfermis kurson kun 10 p. Estas organizataj la kutimaj printempaj ekskursoj. — *Locarno:* Estas kreita Esp. Oficejo. S-ro Max Bazzi fervore propagandas ĉe la studentaro. Prof. Pedroli gvidas kurson. — *Olten:* S-ro W. Haase klopodas fondi grupon. — *Rorschach:* Kurso komenciĝis kun 18 p. — *Zürich:* La Esp. Societo komencis sian taskon de ĉefgrupo de Svisa Esp. Societo. Komitato: prez. D-ro P. Schacht, sekr. F. Hirzel, vicsekr. S-ino Sing, kas. K. Jost. S-ro Jost gvidas kurson ĉe la framasonoj.

## Usono.

Oni diskutas la eblecon aranĝi la venontan kongreson de la Esp. Asocio de Nord-Ameriko en Montreal, Kanado, kie la movado ekreviviĝas. — *Washington:* Oni memorigis la naskotagon de D-ro Zamenhof per sukcesa kunveno. S-roj B. Pickman, Mann, H. A. Babcock, W. E. Baff, F. A. Postnikov, Guimont, F-ino A. C. Leavitt faris interesajn paroladojn pri la progresoj de Esp. en la diversaj landoj. S-ro Shiel, Del., atentigis pri la dummilita agado de UEA.

## Argentino.

*Bahia-Blanca:* La naŭa kongreso de liberpensuloj akceptis la jenan decidon: „La kongreso de liberpenso apogas la adopton de la lingvo Esperanto por la internaciaj rilatoj kaj rekomendas al la Ligo de Liberpenso, ke ĝi propagandu ĝin kaj aranĝu kursojn." Okaze de la datreveno de l' grupo, estas organizita sukcesa festo. — *Buenos-Aires:* Okazis ĝenerala kunveno por pritrakto de gravaj proponoj koncerne la movadon. Pro foresto de l' prez., S-ro Josefo Prat, la Centra Komitato de A. E. A. elektis S-ron V. Rodriques Panal prez. — *Córdoba:* S-ro Josefo Prat gvidas kurson en la sidejo de la Ligo de Liberpenso, kun pli ol 45 p. — *Mar del Plata:* S-ro Petro Silenta organizis sukcesan Esp. ekspozicion, post kiu malfermiĝis ankaŭ kursoj. Grupo „Amo kaj Libereco" fondiĝis.

## Urugvajo.

*Montevideo:* La vintra laboro estis tre fruktodona. Ĝi komencis per sukcesa publika kunveno ĉe la Ateneo, en kiu parolis S-ro J. Vilaseca. La grupo tre regule kunvenis kaj pliigis la nombron de siaj anoj. La kursoj funkciis seninterrompe sub la direktado de S-ro Cambralla. Fondiĝis nova grupo, kies nomo estas River Plata Esp. Klubo, kaj kiu celas propagandon de Esp. per gimnastiko, sportludoj kaj ekskursoj; la nombro de ĝiaj anoj senĉese pligrandiĝas.

## Japanio.

En „The Japan Advertiser", la plej grava el la Europanaj gazetoj en Japanio, aperis longa tre favora artikolo.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj la Ligo de la Nacioj.** — Je la unua alveno de Prezidanto Wilson, la Esp. Grupo de Marseille estis sendinta al li leteron por atentigi lin pri la graveco de la problemo de L. I. kaj pri nia lingvo. Same agis la Esp. sekcio de la Franca socialista partio (ESFIO). Tiuj organizaĵoj ricevis la jenan respondon:

„Sinjoro. — Mi estas komisiita de Prezidanto Wilson informi vin pri la ricevo de via letero, per kiu vi altiras lian atenton pri la utileco de lingvo universala.

„Responde, la Prezidanto estas konvinkita, ke tiu demando estos profunde ekzamenata de la kompetentaj autoritatoj je la konstituiĝo de la Societo de la Nacioj. — Por la Prezidanto: *Gilbert Close.*

Aliparte la Societo de la Amikoj de Esperanto (prezidanto: Generalo Sebert) sendis al Prezidanto Wilson, post lia dua alveno en Eŭropo, petskribon subskribitan de Francaj eminentuloj kaj akompanitan de diversaj dokumentoj pri la disvastiĝo de nia lingvo. Jen traduko de la ĉefa parto de tiu petskribo:

„. . . Ni permesas al ni altiri vian atenton pri la utileco, kiun prezentus por la Societo de la Nacioj la enkonduko de tia lingvo, kiel komuna helplingvo servonta por komuniki al ĉiuj landoj la tekston de la dokumentoj destinataj al ĉiuj popoloj.

„Efektive, ne sufiĉus, ke la elito de la gvidantoj de tiu Societo estu kapablaj sin reciproke kompreni uzante la ĉefajn el la naciaj lingvoj; estas necese, ke lingvo facile lernebla kaj parolebla povu esti uzata de la diverslandaj popolmasoj kaj eĉ ebligu al ili partopreni en kongresoj . . .

„La internacia lingvo Esperanto respondas al tiuj kondiĉoj. Ĝi ekzistas kaj restis netuŝita de post pli ol 30 jaroj. Ĝi per sia propra forto iom-post-iom disvastiĝis en la tuta mondo. Ĝi estas konata de multaj ĉiukondiĉaj kaj ĉiulandaj homoj, kiuj uzas ĝin flanke de sia nacia lingvo, kiun ĝi eventuale gardus kontraŭ eblaj subpremantoj. Ĝi taŭgas por ĉiuj uzoj, kaj la jam publikigitaj verkoj estigas gravan bibliotekon. Ekzistis antaŭ la milito pli ol cent Esp. gazetoj; tiu speciala gazetaro povus tuj esti disponigata al la Societo de la Nacioj.

„. . . Ni esperas, ke vi opinios utila ekzamenigi nian proponon per speciala internacia komisiono, al kiu ni, laŭ ĝia deziro, liveros ĉiujn informojn, kiuj povus esti utilaj al ĝi."

Siaflanke la Brita Esperanto-Asocio sendis al S-ro Lloyd George petskribon, kies ekzemplero kun Angla teksto kaj Franca traduko estis transdonata al ĉiuj delegitoj ĉe la Pacokonferenco. Jen la konkludo de tiu petskribo:

„... Viaj Petantoj insiste petas, ke la Paco-Konferenco bonvole donu instrukciojn, ke la Komitato aŭ alia komitato de la Konferenco responda pri la preparado de la konstitucio de la Societo de Nacioj, pripensadu la demandon pri la sankciado de komuna lingvo por internaciaj aferoj, kun la celo konsili al la Registaroj de la mondo la postulon, ke la lingvo fine elektita estu instruata en ĉiuj lernejoj sub ilia administrado."

— En *Germanio*, la Germana Societo por Internacia Juro publikigis en nia lingvo la tekston de sia projekto pri konstitucio de la Interpopola Ligo. Interesuloj povas ricevi tiun gravan dokumenton, sin turnante al D-ro Arnhold, Gellerstr. 1, Dresden.

∴ **Esperanto kaj infanoj.** — Pri la stato de nia lingvo ĉe la nun famiĝinta Eccles-lernejo (Anglio), „British Esperantist" donas la jenajn informojn:

„Al la Esperantisto, kiu avide atendas la tempon, kiam la problemo de L. I. solviĝos, kaj kiu kredas, ke ties solvo per Esperanto kuŝas en la afero de la lernejoj, vizito al la lernejo de Green Lane, Eccles, estas saniga balzamo. Ĝi enblovas novan spiriton kaj aldonas fortan kuraĝon por plua laboro en tiu direkto.

„Hodiaŭ mi havis la honoron kaj plezuron disdoni la ĉiujarajn premiojn al la geknaboj de tiu lernejo. La premioj ne estis prezentataj por Esperanta laboro, sed por la ĝeneralaj lernejaj temoj; estas rimarkinda fakto, ke multaj el la lernantoj, kun la privilegio mem elekti siajn premiojn, prefere elektis librojn el la Esperanta literaturo. Tio klare montras la interesiĝon de tiuj junaj samideanoj al nia lingvo.

„Ne estas la bona sorto de la ordinara Esperantisto, krom la instruistoj, aŭskulti al 350 geknaboj kantantaj en perfekta harmonio la ĥorajon de belaj Esperantaj kantoj, sed tio efektive estis mia bonega ŝanco hodiaŭ. Kiel mia koro saltetis pro ĝojo kaj revibris je ĉiu eksono de la belaj vokaloj, elvenante elokvente kaj belsone el la buŝetoj de tiuj junaj Esperantistoj!

„Du cent geknaboj lernadas la lingvon Esperanto en tiu lernejo, kaj 80 el la pli lertaj korespondadas kun multaj alilandaj infanoj el la kvar anguloj de la mondo. Jen vere internacia ilo por la homaro. La nelacigebla lernejestro, S-ro Sanderson, kaj la instruistinoj parolas fiere pri niaj laŭmodernaj lernantoj kaj raportas ĝeneralan pliboniĝon tra la tuta lernejo dank' al la studo de Esperanto."

∴ **Esperanto kaj literaturo.** La Kataluna Komitato de la *VIIaj Internaciaj Floraj Ludoj* invitas la Esp. verkistojn partopreni en la jenaj konkursoj: Ie Originala versaĵo kantanta amon. IIe Originala prozverko pri amo. La aŭtoroj de la premiitaj verkoj ricevos belan diplomon kaj kelkajn elegantajn volumojn de Esp. literaturo. La Festo de la Floraj Ludoj okazos en Manlleu je la 15 aŭgusto 1919 dum la VIIIa Kongreso de Kataluna Esp. Federacio. La manuskriptojn oni sendu ĝis la 1 julio al S-ro Artur Domenech, 84, Str. Cabanyes, 1e, Barcelona.

## TRA LA GAZETARO

∴ „*Amerika Esperantisto*" (januaro) daŭrigas la publikigon de la serio „gravaj ŝtatdokumentoj" per paroladoj de Prezidanto Wilson kaj la kondiĉoj de la militpaŭzo kun Germanio.

∴ En „*British Esperantist*" (marto) aperas bela bildo kun priskribo de la hejmo de la Deka Brita Esp. Kongreso en Liverpool, kaj la Esp. traduko de la petskribo pri nia lingvo sendita de B. E. A. al la membroj de la Paca Konferenco en Parizo. — En la ĉefartikolo de la aprila kajero S-ro L. Cogen, el Gand, atentigas pri la neceseco de klopodoj por enkonduki Esp. en la Ligon de la Nacioj.

∴ „*Esperanta Finnlando*" (marto) bonvenas la alvenontajn kongresanojn konstatante, ke la Esp. ideo ne pereis. „Esp. ideo havas rajton vivi, disvastiĝi kaj semi sian amindan programon en milnombrajn korojn." ... „Ni Finnoj volas ankaŭ esti niaparte eĉ malgranda guto en la tutmonda fratiglaborado." La gazeto malfermas konkurson al la tutmonda Esp.-istaro pri propagande uzeblaj rakontetoj bonaj laŭ stilo kaj enhavo.

∴ „*Esperantista Voĉo*" (februaro) rememorigas, ke ni devas „fidele paroli la Zamenhofan lingvon kaj dediĉi nian tutan fervoron, ĉiujn niajn fortojn al la interna ideo de Esperantismo, por ke pro la *rimedo* ne estu forgesata la *celo*: ĉiupopola solidareco kaj tutmonda paco!".

„... Sufiĉas bataloj, sufiĉas militoj,
For glavoj, armeoj, ponardoj!
Ni Iru antaŭen, kun ĝojaj spiritoj
Ni, filoj de l'pacaj standardoj ...

∴ „*Germana Esperantisto*" (aprilo). En la ĉefartikolo „La lingva balasto kaj Esperanto", S-ro H. Rohlsen montras la malmodernecon de la studo de l'antikvaj lingvoj, kies forigon el la lernejoj nia nuna kulturo povas realigi, samkiel la forigon de multaj aliaj balastoj. Li pruvas, ke ĝis kiam helplingvo estos enkondukita, la peno kaj tempo por ilin lerni estos konsiderataj nur kiel necesa malbono, kies sukceso estas tre malsufiĉa. L. I. devas veni kaj venos. En Esp. ni havas fine rimedon por fundamente malŝarĝi la lernejon de l'estonto. — D-ro Plagge ekzamenas la problemon de la propraj nomoj kaj resumas la artikolojn pri tio aperintajn en nia gazeto. Li opinias la sufikson *-i* internacia kaj belsona, kaj klarigas ĝian nesufiĉan diskoniĝon per la fakto, ke en la epoko, kiam ĝi estis rekomendata de la L. K., la enkonduko de iu ajn novaĵo ŝajnis danĝera. — En eldono B, nia Finna samideano S-ro V. Setälä opinias, ke la prefikso *mis-* estas akceptinda kaj utila, se oni fiksas al ĝi tiun difinitan sencon de kontraŭrajta, malmorale aŭ morale malboniga, kiun ĝi havas en la vorton *misuzi*.

∴ En „*Hungara Esperantisto*" (marto) S-ro A. Siebenschein konstatas, ke kvankam la homaro ŝajnas ree ekdroni en sanga maro de malamo kaj maltoleremo, jam eklaŭtiĝas avertantaj voĉoj, voĉoj de l' prudento kaj de l' koro: profetaj voĉoj. Li atentigas pri tiu de Henry Barbusse en Francio („Intelektaj batalantoj, unuiĝu!"), pri tiu de la diverskonfesia pastraro en Hungario por komune prediki la evangelion de homamo. Li memorigas pri la „Deklaracio pri homaranismo" de la granda homamanto Zamenhof, kie tiu ĉi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj konkludas, ke „el la maro de sango, de larmoj kaj mizerego elkreskos kaj ekfloros la plej bela floro de l' popolara printempo: la repaciĝo bazanta sur reciproka interkompreno kaj sincera sintrovado".

∴ Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Argentina Esperantisto* (nov.—dec.), „*Bulteno de la Kataluna Esp. Federacio*" (jan.—febr.), „*Esperanto*", organo de „Nova Sento" (jan.—febr.), „*Esperanto-Praktiko*" (aprilo), „*Esperanto-Raporto*" de C. D. E. L. (febr., marto), „*La Esperantisto*" (jan.), „*La Espero*" (marto), „*La Holanda Pioniro*" (marto—aprilo), „*La Unuigita Tuthomaro*„ (jan., febr., marto), „*Mitteilungen des Steirischen Esp.-Vereines*" (marto), „*Nederland-Esperanto*" (febr., marto), „*Progreso*" (aprilo), „*The Esperanto-Monthly*" (marto).

*I. H. K.*

## Al niaj legantoj

**Ni rememorigas, ke de la 1 majo 1919 la adreso de la Centra Oficejo de UEA kaj de la gazeto „ESPERANTO" estas:**

**Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)**

**Ĉiuj korespondaĵoj kaj monsendoj estu sendataj al tiu nova adreso.**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k.a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizajoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto). — La kotizajoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstrasse 14, Bern (Svisio).*

### Letero de la nova Direktoro al la komitatanoj kaj membroj de UEA

*Estimataj Samideanoj,*

*Dankante pro la honoro, kiun vi faris al mi per via elekto, mi akceptas la oficon de Direktoro de UEA. Tiom da tempo kaj da laborforto, kiom lasas al mi la aliaj okupoj kaj mia neforta sano, mi volonte dediĉos al nia Asocio. Alloga estas direkti organizajon kun celoj, kies neceseco kaj ĝusteco montriĝis nuntempe pli klare ol iam, sed la tasko estas tiel grava, ke mi devas peti la helpon de vi ĉiuj kaj iom da pacienco, se ne plenumiĝos rapide ĉiuj esperoj kutimaj je tiaj cirkonstancoj.*

*La ŝanĝoj pri labordivido kaj laborloko, aprobitaj de la Komitato kiel la sole ebla solvo de niaj administraj malfacilajoj, ne influos la ĝeneralan agadon. Daŭros funkcii nia sperta Komitato, kaj ankaŭ ne mankos la konsiloj de nia ĝisnuna Direktoro, en kies persono kvazaŭ koncentriĝis la ideo de UEA dum la lastaj jaroj. Kiel inda sekvanto de nia bedaŭrata Mudie li prudente gvidos nian Asocion, garantiante la firmecon en celoj kaj konduto, kiu estis nia forto.*

*En nia vasta agadkampo ne mankas laboreblecoj, ankaŭ ne la bona volo en la Centra Oficejo. Sed multaj planoj ne estas efektivigeblaj, ĝis UEA havos pliajn membrojn, kaj enspezojn, kiuj kovras la kostojn. Nenio pli subpremas la kuraĝon por entrepreni gravajn aferojn, ol la ĉiutaga zorgo, ĉu oni povos pagi la oficistojn, la loĝejon kaj la presiston. Rekonstrui fortan bazon de ekzisto estos do nia unua tasko. La Esperantistaron ni klopodos konvinki pri la utileco de komuna agado pli lerte aranĝata ol ĝis nun. Unu sincere helpu al la alia, oni ne faru duoble unu laboron forgesante alian samgravan, kaj, favore al organizajoj seriozaj, kiuj baraktas por sia vivo, oni rezignu je fantaziaj projektoj. En nia agado ni speciale atentos la multajn rondojn, kiuj lastatempe ekinteresiĝis pri internaciaj problemoj. Ĉar por tiuj societoj neŭtrala helplingvo estas necesajo, Esperanto sukcesos, se ni povas agi pogrande. Por tia promesplena varbado UEA devus havi la eblecon paroli en la nomo de dekmiloj da Esperantistoj, disdoni en certaj okazoj tutajn kestojn da propagandiloj, ĝia reprezentanto devus vojaĝi, viziti kongresojn, rilati kun eminentuloj, k. t. p. Sed tiel longe kiel zorgoplena administrado de niaj internaj aferoj konsumas la forton, tiaj pensoj ĉefe restos nur sur la papero.*

*La nuntempo, kvankam nigraspekta pro la malcerteco pri tio, kio eliros el la monda krizo, estas favora al la disvastigo de novaj ideoj. Granda puŝo baldaŭ entreprenata utilos pli kaj kostos relative malpli ol poste jaroj de kutima propagando. Promesante, ke la Centra Oficejo strebos siajn tutajn fortojn, mi do ne povas alie ol ankaŭ peti vin, ĉiujn Esperantistojn, ke vi agadu. Rekonu la signojn de la tempo. Pripensu kian laboron vi povus akcepti, kiujn oferdonacojn vi povus deponi por la komuna bono. Antaŭ la milito ni povis pli-malpli pagi al ni la lukson, ke ĉiu promenis laŭ sia plezuro. Nun ni aliĝu en granda armeo, forta laŭ nombro kaj rimedoj, inspirata per unu ideo: alporti la novan senton al la mondo. Tiam ni venkos!*

*Kun samideanaj salutoj*

*Ed. Stettler.*

**Adresaro de la Delegitoj.** — La Adresaro de la Delegitoj respondintaj al nia cirkulero-demandaro estos presata dum la monato majo kaj espereble povos esti sendata al la membroj en la komenco de junio. Ĝi enhavos liston de ĉirkaŭ 250 Delegitoj kun fidindaj kaj kontrolitaj adresoj kaj krom tio la liston de la Esp. grupoj en la samaj lokoj. Dank' al tiu unua Adresaro, niaj membroj tre baldaŭ povos denove uzi la servojn de nia Asocio kaj interrilati kun alilandanoj pri ĉiuspecaj aferoj.

**Statistiko de la servoj.** — Dum la milito ni ne povis, kiel antaŭe, fari statistikon pri la diversaj servoj plenumitaj de la Delegitoj. Sed fine de 1919 ni intencas repreni la interrompitan tradicion, ĉar tiu statistiko, ĉiujare kunmetita, havas gravan dokumentan valoron pri la utileco de nia Asocio. Ni do petas ĉiun Delegiton, ke li bonvolu zorge konservi kaj aparte klasigi ĉiuj informpetojn de li ricevitajn dum 1919, tiel ke fine de la jaro li facile povu respondi al la sendota demandaro.

**Donacoj.** — Sumoj donace senditaj por la kaso de UEA:

S. Andrews (Feilding, Nov Zelando) Fr. 11.35; F-ino Z. A. Inman (Halstead, Anglio) Fr. 10.—; F-ino B. Martyn (Halstead, Anglio) Fr. 6.25; H. Dick (Yokohama) Fr. 5.—; S. Sazy (Rabat, Maroko) Fr. 10.—; Cecil Stockard (Atlante, Usono), Fr. 71.50; F. Goodliffe (London) Fr. 25.—.

Al ĉiuj donacintoj koran dankon.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 2750 |
| 23. | E. J. M. v. d. Laarschot, Bussum (Nederlando) . . . . | 125 |
| 24. | S-ino Ehrenbolger-Sing, Zürich (Svisio) . . . . . . . | 125 |
| 25. | Ronald B. Mac Callum, Paisley (Skotlando) . . . . | 125 |
| | Frankoj | 3125 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (Svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), (Nationalbank-konto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106).

**Kotizajoj por 1919.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 1432 kotizajoj (el kiuj 114 subtenantoj). Krom tio estas 175 dumvivaj membroj. Sume: 1607. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 25.

**Statistiko de la korespondajoj.** — Movado de la korespondajoj dum la monato marto:

Ricevitaj: 951. — Forsenditaj: 1444. — Tuta sumo: 2395. (Antaŭa monato: 2350.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizajon da 5 Frankoj.

*Kvara listo:*

90. R. Blackstone (San Francisco). — 91. S. Andrew (Feilding, Novzelando). — 92. E. Guerra (Mexico). — 93. G. Jönsson (Hellefors, Svedio). — 94. W. Cnossen (De Jutryp, Nederlando). — 95. W. Caitby (Dover). — 96. D-ro Esslemont (Bournemouth, Anglio). —

97. J. Hill (Birmingham). — 98. E. Andrews (Cotherstone, Anglio). — 99. H. Kursteiner (St. Gallen, Svisio). — 100. R. Hug (Toul, Francio). — 101. W. Pratt (Grange-over-Sands, Anglio). — 102. J. Renaud (Cancon, Francio). — 103. F-ino J. Dalglish (Glasgow). — 104. R. Dick (Yokohama). — 105. J. Malachofsky (Pittsburgh, Usono). — 106. R. Rian (Trondhjem). — 107. J. Sazy (Rabat, Maroko). — 108. C. Briggs (Des Moines, Usono). — 109. C. Tangermann (Geestemünde, Germanio). — 110. B. Luis (Dusseldorf). — 111. G. Van Heek (Hengelo, Nederlando). — 112. F. Krom (Oldenzaal, Nederlando). — 113. P. Suinot (Canaples, Francio). — 114. R. Bolliger (Bern).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Groningen* (Nederlando). — VD.: S-ro R. Barkema, med. studento, Noorderhoogebrug.

*Yokohama* (Japanio). — D.: S-ro R. Hugo Dick, komercisto, 92, Jamaŝitaĉo.

*Lugano* (Svisio, Tiĉino). — VD.: S-ro Alberto Moneda, komercisto, Corso Elvezia.

*Lund* (Svedio, Skåne). — D.: S-ro Alfred Wilhelm Friberg, privatulo.

*Luzern* (Svisio). — D.: F-ino Marie Troxler, instruistino, Theaterstrasse 6. — VD.: S-ro R. Huber, poŝtoficisto.

*Overpelt* (Belgio, Limburg). — D.: S-ro Theo Neyens, oficisto, Heesakker 7.

*San Juan* (Porto Rico). — D.: S-ro José N. Berrios, Poŝtkesto 914.

Ŝanĝoj:

*Newcastle on Tyne* (Anglio, Northcumberland). — D.: S-ro William Mac Creight Brown, fruktimportisto, 15, Clayton St.

*Riesa a. E.* (Germanio, Saksio). — D.: S-ro D-ro Walter Döhler, profesoro.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:

*Auxerre* (Francio); *Barranquitas* (Porto-Rico); *Bucureŝti* (Rumanio); *Kronach* (Germanio); *Miltitz* (Germanio); *Mogilno* (Germanio); *Nancy* (Francio); *Rosny-sous-Bois* (Francio); *Shanghai* (Ĉinio).

# El la Centra Oficejo

Ni titolas tiun ĉi artikoleton kiel kutime: el la Centra Oficejo, sed en la momento, kiam ni skribas ĝin, la tuta „oficejo" estas enŝlosita en la vagono, kiu ĝin transportas Bernon. Je la apero de tiu ĉi N-ro, la oficejo de UEA estos instalita en sia nova sidejo: Museumsstrasse 14. La Esperantistoj, kiuj vizitis la Bernan Kongreson en 1913, certe rememoras pri la tiel nomata Kazino, kie okazis ĉiuj kunvenoj. Ĝuste antaŭ la Kazino, estas granda alta ponto, bone konata de ĉiuj kongresanoj, kiu kondukas al la transrivera kvartalo Kirchenfeld; tie, proksime de la Historia Muzeo, troviĝas la nova sidejo de UEA. Ni ne povis lui ĉambraron en la centro de l'urbo, ĉar pro la multegaj oficejoj, kiuj tie fondiĝis dum la milito, la luprezoj ekstreme plialtiĝis, sed la elektita kvartalo estas proksime de la urbo kaj facile atingebla de la stacidomo per rekta tramlinio. La oficejo sidas ĉe la teretaĝo de nova domo kaj enhavas nun kvar ĉambrojn; se bezone ĝi povos esti pligrandigata. Ni esperu, ke oni plenumos en ĝi utilan agadon. Ĉiuokaze fervoro kaj bonvolo ne mankas ĉe la tieaj laborantoj; ili ankaŭ ne manku ĉe la Esperantistaro, sen kies morala kaj materia kunlaborado, la plej belaj planoj restas nerealigeblaj.

Oni eble bedaŭros, ke la cirkonstancoj devigas nin migri al Berno, ĝuste kiam Ĝenevo estas elektita kiel sidloko de la estonta Ligo de la Nacioj. Ni klarigis en la lasta N-ro, pro kiuj kaŭzoj tiu ŝanĝo fariĝis necesa en la intereso de la bona postmilita funkciado de nia Asocio. Tiel longe kiel UEA ne povas pagi siajn gvidantojn, ĝia oficejo estas devigata sin adapti al personaj necesajoj. Cetere, se Ĝenevo estos verŝajne la sidloko de la politikaj organoj de la Ligo, Berno jam gastigas plurajn internaciajn oficejojn: Universala Poŝta Unio, Universala Telegrafa Unio, Internaciaj Transportoj, Arta kaj Literatura Propreco, Internacia Pac-Oficejo, k. t. p. Berno, same kiel Ĝenevo, estas do loko aparte taŭga por internaciaj oficejoj. Multaj diverslandanoj tie loĝas, kaj kvankam la Germana estas oficiala lingvo, preskaŭ ĉiuj loĝantoj scias ankaŭ la Francan; Berno estas la vera kontaktloko inter la norda kaj la latina kulturo. Kompreneble se tio fariĝus iam nepre necesa, UEA ree transmigrus Ĝenevon, sed ni atendu ĝis la Ligo de la Nacioj reale ekzistos kaj funkcios, kio bedaŭrinde ne estas ankoraŭ tute certa.

Tuj post instaliĝo, la unua laboro de la Oficejo de UEA estos la presigo de la korektita Adresaro de la Delegitoj, kiu servos kiel provizora Jarlibro, kaj dank' al kiu niaj membroj ree povos uzi la servojn de la Asocio. Ĝi ne estos tiel ampleksa kiel la antaŭaj adresaroj, pro diversaj cirkonstancoj, kiujn klarigas la milito, sed kia ĝi estos, ĝi tamen utilos. Ni opiniis, ke por plifaciligi la refunkciadon de UEA, estas pli bone eldoni ne kompletan, sed korektan Adresaron, ol simple reeldoni malnovan Adresaron, pli dikan, sed kies parto ne plu estus ĝusta. Fidindeco estas pli necesa ol grandnombreco.

# Esperantista Parolejo

## „Kurso komencis ĉe la komerca lernejo..."

Se vi, kara leganto, trovas tiun ĉi aŭ similan frazon en la „Kroniko" de via Esperanta gazeto, kion vi pensas?

Ni jam scias vian respondon: vi *pensas* nenion, vi nur *supozas*, ĉar vi efektive *scias nenion* pozitivan!

Kion do la aŭtoro volas diri per la vortoj „*ĉe* la lernejo"? Estas tri eblecoj:

1e la kurso estas tute privata afero, kaj ĝi okazas en senpage oferita aŭ luprenita lerneja ĉambro;

2e la kurso estas duon-oficiala afero, t. e. la lernejo oficiale rekomendis ĝin kaj disponigis ĉambron;

3e la kurso estas oficiala afero: *a)* aranĝita kiel „deviga" por certaj aŭ ĉiuj lernejanoj, *b)* aranĝita kiel „nedeviga" por certaj aŭ ĉiuj lernejanoj.

Jen tri signifoj de la esprimo „ĉe la lernejo"! La kronikisto tiel „oraklas", kaj la leganto divenu!

Plej ofte „ĉe la lernejo" rilatas al nia unua signifo, sed ĉu tiam la esprimo „ĉe la lernejo" estas uzinda? Oni ne parolu per tro gravaj, pezantaj vortoj! Oni nur erarigas per ili! Ĉu la simpla, klara kaj preciza informo, ke „kurso okazas", ne plene sufiĉas?

Kaj la aliaj informoj „ĉe la lernejo", kiuj rilatas al niaj du aliaj signifoj, ĉu ili ne ankaŭ povus esti pli klaraj, pli koncizaj? Ĉu por nia movado „*plej preciza raportado*" ne estas urĝe necesa? Niaj propagandistoj bezonas tute *fidindan* materialon, ili ne povas batali por nia afero per „supozoj", per du- aŭ eĉ trisencaj paroloj, sol-sole per nedubaj *faktoj* ili povas „akiri la mondon"!

*D-ro Hju.*

## La Esperanto-movado en la sovjet-lando

Unu el niaj malnovaj Rusaj samideanoj, nun en Germanio, sendis al ni interesan leteron, el kiu ni eltiris la jenajn informojn pri la stato de nia movado en Rusio dum la militepoko.

„... Permesu al mi komenci de malproksime. Dum la milito nia centra oficejo en Moskvo laboris tre aktive, kaj eĉ en la tranŝeoj mi havis la eblon, legi la „Ondo de Esperanto". Tiu gazeto dum sia militempa aperado estis vera Esperanta eldono kaj nenian sonon de ŝovinismo mi vidis sur ĝiaj paĝoj. La alilandajn eldonaĵojn dum la komenco de milito oni povis ricevi, kaj mi memoras, kiel kuŝante en hospitalo post vundo mi ricevis alilandajn Esperantaĵojn, kaj estis por mi tre agrable rigardi ilin. En 1916 mi denove estis en tranŝeoj, kaj oni informis min pri la malboniĝo de nia movado en Rusio.

„Ondo de Esperanto“ pli kaj pli estis suferanta de grandaj elspezoj por monata apero. En 1917, post la Revolucio, la prezoj por presado k. t. p. altiĝis multege kaj „Ondo“ malaperas! La Esperantista vivado velkiĝas, ĉar estis komenco de diversaj stratbataloj kaj aliaj intergentaj malkonsentoj. Sed la 1 majo 1917 la Esperantistaro iom vekiĝas: ĉe la ĉefa angulo de Nevskij prospekt en Peterburgo estis alpinglita granda verda standardo, kaj al la publiko estis disdonataj la alvokoj de Esperantistoj-socialistoj, vokantaj ĉiujn al la internacia kunfratiĝo. Tiu tago estas memorinda, ĉar dum ĝi unuafoje sur la stratoj de Rusio la vento karesis nian verdan simbolon! Sed tiu tago estis nur fajreto en la mallumo. Tamen la Esperantistoj kunvenadis same kiel antaŭe, sed la politika ventego ne permesis al multaj partopreni la kunvenojn.

Mi kelkfoje vizitadis la societon „Espero“, sed estis nenia novajo; eĉ la malĝoja informo pri morto de la Majstro atingis nin nur post kelke da monatoj kaj estis konata nur de malmultaj. Ĝi estis la lasta komuniko el la mondo civilizita pri nia movado. Post la bolŝevika revolucio estis fermataj ĉiuj limoj, kaj de tiu tempo ni estis izolitaj.

Post kelke da monatoj la kunsidoj komencis refunkcii, kvankam dum ili oni plejparte parolis ne pri Esperantaj aferoj, sed pri stomakaj (sed en Esperanto!). En aprilo 1918 nia movado pligrandiĝis. Moskva Societo dissendis alvokon por unuigi la Esperantistajn fortojn en tuta Rusio.

Okaze de la datreveno de la morto de nia Majstro oni arangis grandajn kunvenojn en kelkaj urboj. En Peterburgo, Societo „Espero“ organizis solenan kunsidon kun la partopreno de malnovaj samideanoj. Inter la honoraj gastoj ni vidis S-ron Rozenberger (aŭtoro de Idiom Neutral“), S-ron prof. Beaudoin de Courtenay kaj aliajn. Mi devas rimarkigi, ke Societo „Espero“ estas la unua oficiale permesita Esp. Societo; ĝi estis fondita en 1892. Okaze de ĝia fondiĝo D-ro Zamenhof estis sendinta la verŝajne unuan telegramon en Esperanto, gratulante la fondintojn. „Benatan komencon, kreskantan potencon, en floro kaj gloro, deziras el koro. Zamenhof“ — tiel rime telegrafis la Majstro, kaj malgraŭ mokoj, malhelpaĵoj kaj diversaj baroj la benita de la Majstro „Espero“ ĝisvivis eĉ la malgajan tagon, kiam ĝi priploris la morton de sia fondinto. Por montri sian fidelecon al la ideoj de la Majstro multaj „malnovuloj“ venis honori lian memoron. Ĉeestis S-ro Maynov, kies nomo estas en ĉiu numero de „La Esperantisto“ dum 1889—1891, homo kiu skribis al Leono Tolstoj pri Esperanto kaj multe agadis ĝis la lasta tempo, venis S-ro Asnes, redaktoro de „Ruslanda Esperantisto“ dum 1904—1907 kaj de „Espero“ 1908, S-ro Evstifejev, malnova samideano kaj Akademiano, kaj multaj, pri kiuj mi pensis kiel pri mortintoj por Esperanto. Estis tre agrable ilin revidi malgraŭ la malĝojaj cirkonstancoj.

De tiu kunsido komencis pli vigla agado. Pli akurate aperis la hektografita jurnaleto „Feĉo“, tre bonhumora eldonaĵo, jam kelkjare ekzistanta en la intima rondo de Peterburgaj samideanoj. Astraĥan'aj samideanoj ankaŭ monate eldonis negrandan ĵurnalon; en Moskvo aperis monate folieto de la komitato, kiu estis starigita por unuigi kaj aranĝi la Esp. movadon en Rusio.

Estis originala rilato de la bolŝevika registaro al Esperanto. Malgraŭ ke la aliaj kluboj „burĝaj“ estis fermitaj, la Esp. kluboj funkciis, kaj kelkaj Esperantistoj, kiuj konis la bolŝevikajn ĉefojn diris al mi, ke ni havos la eblon ricevi monhelpon por presado de granda kvanto da lernolibroj, legolibroj, folioj k. t. p., sed ni ne estis certaj, ke en tiaj propagandiloj la ideo de Esperanto ne cedos al la ideo de klasa batalado, tial ni malkonsentis iri tian vojon; sed se tio estos farata en bona maniero, ĉesos la manko de lernolibroj, kiu nun estas sufiĉe granda.

Estas preskaŭ neeble ion presi en Rusio. Ekzemple, la dudekpaĝa „Esperanto“ kostus ne malpli ol 5—7 rublojn, po ĉiu aparta numero! Ĥarkova Esp. grupo eldonis en 1918 malgrandan kelkpaĝan lernolibron, kiu estis vendata 1 r. 50 k., kvankam la vivkondiĉoj en Ĥarkovo estas pli facilaj ol en norda Rusio. Esperantaĵojn el Eŭropo, malgraŭ diversaj provoj, ni ne povis ricevi.

Vi vidas, karaj gesamideanoj, kiel varme ni deziris rilatiĝi kun vi!

Mi ne forgesu memori pri la buŝa propagando, kiu ankaŭ vigliĝis. En diversaj lokoj ni aranĝis kelkfoje paroladojn, laŭeble ni daŭrigis la semadon de Esperanto, kvankam estas tre malfacile pensi pri cerba pano dum malestas stomaka. La pli multaj el ni havis kiel ĉiutagan porcion 50 gramojn da pano kaj ofte eĉ 25; nenia viando, butero, sukero k. t. p. estis donita. Nur salita fiŝo, „akvita“ lakto kaj terpomoj — jen la nutroproduktoj, kiujn oni povis trovi en norda Rusio, sed altpreze!

En la fino de somero 1918 estis en nia rondo tre agrabla festeto dank' al okaza renkonto. Nia societprezidanto, kiu ĉiam portis la verdan stelon, estis haltigita en la strato de militkaptita Aŭstria oficiro, S-ro Leono Rosenstock, la bone konata organizinto de la „Oka“ kiu vojaĝis hejmen. Li konsentis resti en la urbo por unu-du tagoj. La sekvantan matenon mi jam akompanis nian Napoleonon (kiel oni ŝercis dum la Oka!) tra la stratoj de Peterburgo. Miaj fratinoj konsentis mobilizi ĉiujn provizojn de nutraĵoj, kiujn ili havis, kaj duan fojon dum la milito ni ĝuis la Esperanto-tagmanĝon. (La unua estis dediĉita je la honoro de S-ro E. Privat.) Estis tre agrable dum tiaj malgajaj tagoj esti en la „rondo familia“, kaj du tagoj de ĉeesto de S-ro Rosenstock estis tre impresaj en nia unutona vivado. La duan tagon S-ro Medem, prez. de Societo „Espero“ aranĝis vespereton kun teo en sia hejmo kaj estis agrable pasigi kelke da horoj en tia vere samideana societo. S-ro Evstifejev parolis pri la artikolo „Internaciismo kaj naciismo“ ĵus presita en iu gazeto, kaj oni decidis presi ĝin en litografe eldonataj broŝuroj, kies tri numeroj jam eliris antaŭ mia forveturo. Du numeroj estis dediĉitaj al la rememoroj pri la revoluciaj tagoj en Peterburgo, kaj en la tria estis presitaj la paroladoj dum la datreveno de Zamenhof-morto, pri kiu mi parolis pli supre.

Post la forveturo de S-ro Rosenstock ĉiumerkrede ni kunvenis ĉe S-ro Prezidanto, kaj semajnon antaŭ mia forveturo mi vidis tie ĵus alvenintan nian konatan verkiston S-ron Devjatnin. Li estis la lasta samideano, kiu min adiaŭis. En komenco de oktobro, dank' al politikaj cirkonstancoj, mi devis rifuĝi sudan Rusion, kaj kun grandegaj malfacilaĵoj, piedirante dum la nokto 30-kilometran vojon mi atingis la limon de Germana okupado kaj baldaŭ estis en Kievo, iom poste en Ĵitomiro, ĉefurbo de Volinio. Kelke da jaroj antaŭe estis fondita en ĝi Esp. grupo sub la gvidado de S-ro Kaminski, kiu komencis la trian kurson, kiam mi alvenis.

Ĉiujaŭde estis aranĝataj en la vegetara manĝejo kunsidoj, kie ni raportis, prelegis, babiladis, eĉ kantis. Mi korespondis kun la Kievaj samideanoj, kaj ili skribis, ke la Esperantistaro de diversaj urboj de suda Rusio vigle laboras por nia afero. Mi mem vidis la pruvon, kiam mi trapasis urbon Gomel. En la stacidomo sur la muro de bufedĉambro estis pendigita granda anonco: „Samideanoj trapasantaj Gomel, vizitu ĉi tiean Esperanto-grupon.“

Ni intencis fari la samon en Ĵitomiro kaj eĉ projektis grandan propagandan vesperon, kiam la politikaj cirkonstancoj postulis, ke mi denove rifuĝu; mi forveturis Kievon, kie mi loĝis ĝis kaj dum la eniro de la Ukrajnaj trupoj.

La movado en Kievo estis en pli bona situacio, ĉar multaj samideanoj el norda Rusio venis Kievon kiel nutraĵriĉan urbon, kaj mi renkontis kelke da konatuloj. La sorto ne estis tro bonŝanca por mi kaj baldaŭ mi denove elmigris kaj alvenis Germanion.

La lando, kiun mi forlasis estas sangŝprucata, sed mi forte kredas, ke la nova evangelio de „glavo kaj sango“ baldaŭ malaperos kaj ĝian lokon denove okupos la Evangelio de paco kaj amo, al kiu servas ni, Esperantistoj, kaj tiam verda stelo nin lumiganta ekbrilos per nova kaj pli granda lumo kaj

... bela songo de l' Homaro
Per eterna ben' efektiviĝos!

*S. A. Kovič.*

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Giles L. Browne,** unu el la unuaj pioniroj de Esp. en Londono. Esperantistiĝinte en 1903, li kun granda entuziasmo kaj energio propagandis, estis unua instruisto en la vesperaj lernejoj de la Londona Konsilantaro kaj aliloke. Li faris multajn tradukojn, precipe versaĵojn, kaj sin montris talenta poeto. Fervora uzanto de la lingvo eĉ kun sia edzino kaj infanoj. Viktimo de la gripo.

**D-ro Joaquim Coll,** el Hispanio, al kiu la Esp. afero ŝuldas oftajn kaj valorajn servojn.

**D-ro George Cunningham,** el Cambridge, unu el la membroj de la Trio por la Tria en la Universala Kongreso.

**Ernest Hübscher,** unu el la plej fervoraj samideanoj en Lodz (Polio). La lokaj Esp-istoj kiel danksigno kolektis monon por starigi ŝtonan sarkofagon sur lian tombon.

**Th. Scherer,** el Lubeck (Germanio), 83-jara, tre fervora membro de la tiea Esp. societo.

**W. Schmitt,** Del. en Kronach, (Bavario), mortis ĉe la milito.

**J. Tamke,** el Agathenburg, unu el la plej bonaj batalantoj por nia afero en la nord-okcidenta parto de Germanio. Li propagandis ĉe ĉiu okazo, precipe inter la Bontemplanoj, al kiuj li apartenis. Nobla karaktero kaj granda idealisto. Li mortis 33-jara de la gripo, lasante vidvinon kun tri infanoj.

**Alex. Teodorescu,** advokato, Del. en Bukareŝto (Rumanio), konata propagandisto kaj fervora samideano; viktimo de l'milito.

# Lingvaj Studoj

## Pri almiliti kaj elrigardi

Mi kredas, ke oni faras al „almiliti" riproĉojn, kiujn ĝi tute ne meritas. Ĉia senco estas malĝusta? neklara? malpreciza? Ne. Sed ĝi estas elbakita el la Esperanta fundo, ĝi estas idiotismo, ĝi estas por tiel diri „Esperantismo".

Ĉu tio estas kaŭzo, ke ni devas ĝin forigi? Mi opinias ne. Mi eĉ havas por ĝi specialan simpation. Kiel por ĝia kamarado „elrigardi", ĝi ne estas tuj kaj por ĉiuj komunaj homoj komprenebla. Nur post iom da pripenso kaj kun iom da konateco kun la spirito de la lingvo oni ekvidas ĝian profundan sencon:

Efektive mi scias, kio estas milito. El milito mi facile komprenas militi (F.: guerroyer). Nun mi ankaŭ konas vortojn kiel alpreni, altiri, . . . Ĉu „almiliti" ne fariĝas nun tute klara? — Almiliti = akiri, preni al si landon per milito. Ĉu tio ne estas la senco de F. conquérir, G. erobern.

Vidu nun „konkeri". Kun sia freŝa vesto ĝi aperas kiel maskita Franca vorto. Matematika, teĥnika, ĝi prenos nur post multaj jaroj — ni diru eĉ *kelkaj* — sencon pli koloran kaj aspekton pli Esperantan. Kiom multe pli konkreta, pli riĉa, pli signifa estas „almiliti"! Estas konsenteble, ke „konkeri" fariĝas pli kaj pli preme necesa, kvankam mi mem ankoraŭ ne renkontis okazon, en kiu ĝi sin altrudis ekskluzive. Sed se mi bezonas „konkeri" en specialaj okazoj, tamen ni konservu por la komuna uzo „almiliti", respektante ĝian devenon kaj fundamentecon.

Mi parolis pri „elrigardi". Eble tiu ĉi ekzemplo klarigos ankoraŭ mian penson: Kontraŭ ĝi oni ankaŭ multe koleris. Kabe nomis ĝin „terura nekomprenebla idiotismo elvokanta la ĉielan venĝon". Oni proponis uzi en ĝia loko: vidiĝi, aspekti, ŝajni. Sed ĉu iu alia vorto povas esprimi tiel bone la sencon troveblan en ĝi? — Efektive „elrigardi" (G. aussehen) rilatas al personoj kaj signifas F. „avoir l'air". Nu, kio pli bone esprimas „l'air" de iu persono kaj respegulas la staton de ĝia animo pli elokvente ol ĝia rigardo, ĝia maniero rigardi eksteren? Ĉu estas ia malkomprenaĵo en tio, se oni diras pri iu: „Li elrigardas tute kruĉe, aŭ stulte, aŭ afable ktp."? — Kaj nun se oni transiras kaj uzas „elrigardi" rilate al senvivaj aferoj, ĉu tio ne estas simpla „figuraĵo", unu el la rimedoj, kiuj la plej multe kunhelpas doni *vivon* al lingvoj?

Ne, ni ne devas pereigi la florojn de nia lingvo. Ni ne volas lingvon sekan kaj sensukan, sed lingvon vivan kaj koloran.

*W. Perrenoud.*

## Pri la geografiaj nomoj

*Finnlando aŭ Finlando?*

Oni komunikas al ni, ke Finnaj samideanoj preferas la ĝis nun uzitan formon *Finno,* kun duobla *n,* kaj sekve *Finnlando,* ol la de ni prove uzitajn *Fino* kaj *Finlando.* Ĝis oficiala decido pri tiu demando, ni do ree uzos la formojn *Finno* kaj *Finnlando.*

**Helsingfors** (Finnlando). — F-ino Lisa Håkanzon, Vinkelgatan 1 B, 4, L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Helsingfors** (Finnlando). — F-ino Elvi Lindfors, Broholmsgatan 12 A, 5, L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Helsingfors** (Finnlando). — F-ino Lattu, ĉe Maskin- och Brobyggnads A. B., L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Helsingfors** (Finnlando). — S-ro Rafael Tallgren, 5, Kaptensgatan, PM, PI (kun vidaĵoj de ĉiuj landoj, speciale de ekstereŭropaj).

**Helsingfors** (Finnlando). — S-ro Anatol Lominski, Manegegatan 5 B, 14, PI, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Helsingfors** (Finnlando). — S-ro Arvid Rein, Manegegatan 5 B, 14, PI, L (kun ĉiuj landoj).

**Helsingfors** (Finnlando). — S-ro Gustaf Blomqvist, 67, Östra Chaussén, L, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Kladno** (Bohemio). — F-ino Gusti Ernest, 39, Náměsti, PI, L (pri belartoj, poemoj k. t. p.).

**Kladno 938** (Bohemio). — S-ro Otomar Koĉi, prez. de Esp. Klubo, PI, L, PM (gazetoj k. t. p. pri instruado kaj komerco).

**Kladno 1598** (Bohemio). — S-ino Fanne Lanzdorfová, PI, L (pri politikaj kaj literaturaj temoj).

**Lahti** (Finnlando). — S-ro H. L. Nieminen, Del. UEA, horloĝisto, L (kun horloĝistoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM (deziras ankaŭ PM de la milito sur kovertoj kaj poŝtkartoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro Christ. Burkhalter, PM (kun ĉiuj landoj).

**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro Andreo Di Landro, strato Miguel Barreiro n-o 176 (Pocitos), PI, L (pri komercaj aferoj kaj interŝanĝo de komercaj katalogoj).

**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro Alfredo Giacca, 1530, strato Salsipuedes, PI (pri sportoj, naĝarto, Sveda gimnastiko, precipe kun Skandinavaj landoj).

**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro Juan V. Bouzas, tipografiisto, 1583, strato Cebollati, PI, L (kun sammetianoj el ĉiuj landoj).

**Montevideo** (Urugvajo). — S-ro Severino Castro, 1649, strato Yi, PI (kun ĉiulandaj samideanoj).

**Nagy Körös** (Hungario). — S-ro Antonio Khirer, ŝuisto, n-o 1 Ker — 113, sz., PI, L, PM.

**Newcastle-upon-Tyne** (Anglio). — S-ro Wallace Mackay, biblioteka oficisto, 25, Breamish St. L (kun bibliotekoficistoj) PI (kun ĉiuj landoj).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, Fordham, nur L (kun radikalaj social-demokratoj ĉie pri efektivigo de la „internacio" kaj kontraŭ religio).

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont", L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio).

**Paris** (Francio). — S-ro Lucien Bannier, 106, rue Ménilmontant, L (kun ĉiuj landoj, pri socialismo).

**Plzeň** (Bohemio). — F-ino Manjo Pechová, studentino, Housková 4, PI (kun studentoj).

**Plzeň** (Bohemio). — Laborista Turista Asocio, adreso: S-ro J. Pech, Housková 4, dez. koresp. kun ĉiuj landoj (personoj interesiĝantaj pri Ĉeĥoslovakio ricevas ĉiun informon).

**Praha** (Bohemio). — S-ro Rud. Hromada, oficisto, Sochařská 333, salutas siajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, PI (kun ĉiuj landoj).

**Rabat** (Maroko). — S-ro Jean Sazy, libristo, L, pri sociaj kaj religiaj nun praktike realigeblaj metodoj por plibonigo de la nuna mondo (komunismo, terkulturaj kolonioj, interŝanĝo de infanoj, religiaj sektoj kaj grupoj). Sin speciale interesas pri la ideoj de Tolstoj.

**Rotterdam** (Nederlando). — S-ro Th. J. van Huessen, tramkontrolisto, Rozenburgstraat 14 a, L (kun eksterlandaj tramkontrolistoj pri laborkondiĉoj.

**Helsingfors** (Finnlando). — F-ino Vally Bergström, 6, Glogatan, L, PI (prefere kun ekstereŭropaj landoj).

**Santa Cruz de Tenerife** (Insuloj Kanariaj, Hispanio). — S-ro Manuel Alvarez, Capitán de Intendencia, PI (naturbelaĵoj, urbvidindaĵoj, naciaj tipoj, kostumoj, reproduktaĵoj de pentrartaĵoj, portretoj de teatrartistinoj).

**Soest i. W.** (Germanio). — F-ino Helene Andernach, Grandweg 34, L, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

**Tampere** (Finnlando). — S-ro John Wirtanen, PM (nur multvalorajn en rekomenditaj leteroj).

**Tampere** (Finnlando). — S-ro Esko Boelius, komercisto, 30, Pinnink, PM, PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

Tarifo: Unu linio (10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10 %. Por dek-du enpresoj 25 %. Antaŭa pago.

**Azura Marbordo.** — Por lui aŭ aĉeti vintrodomon aŭ terspacon sur la Azura Marbordo (sud-oriento de Francio) turnu vin al S-ro Ch. Cresp, Del. de UEA, 14, rue des Marchés, Cannes (Francio).

**Ĉiuj Esperantistoj** de la tuta mondo estas petataj informi nin pri ĉiuj komercistoj, kiujn ili konas, kaj kiuj traktas per Esperanto. Hendricx Victor, 43, Zalmstraat, Gent (Belgio).

**Geinstruistoj de helpaj lernejoj.** — Dankeme mi akceptus la reciprokan korespondadon kaj interŝanĝadon de objektoj, reproduktaĵoj, bildoj kaj gazetoj, kiuj koncernas la instruadon en helpaj lernejoj. Instruistino Marie Moudrá, Malá Štěpánská 6 n, Praha II (Ĉeĥoslovakio).

**Geografoj.** — Mi deziras korespondi kun ĉiulandaj geografoj aŭ aliaj personoj interesiĝantaj pri internacia landkartaro (ankaŭ kun ne-Esperantistoj, pere de Esperantistoj). Hendricx Victor, 43, Zalmstraat, Gent (Belgio).

**Informa entrepreno Ĉeĥoslovaka** serĉas en ĉiuj landoj seriozajn korespondantojn, ĵurnalistajn kaj komercajn. Skribu al Rud. Hromada, Praha VII, Sochařská 333.

**Informoj.** — Kiu povas informi min pri miaj korespondintoj: W. Schmidgall, Schwabstr. 18, III., Stuttgart (Germanio); Paul Lecuru, 15, r. de Soissons, Compiègne (Francio); N. Krassovsky, Del. UEA, Kiŝinev (Rusio) kaj C. Fisano, Wohihiang & Ko., 8, Chung Shan St. E, Hongkong (Ĉinio)? G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Interkonatiĝo.** — S-ro Nik. Peĉigargov, Pleven, (Bulgario) daŭrigonte siajn studojn en Francio, deziras jam nun konatiĝi letere kun Esp-istoj de universitaturboj.

**Komercaj reprezentantoj.** — Kun Angla kaj Aŭstralia filioj sin proponas por reprezentado de ĉiuspecaj artikloj. Fabrikistoj de margarino estas ankaŭ invitataj sendi siajn prezojn kaj kondiĉojn. S-roj Hawker, 63, Bevington Rd., Aston, Birmingham (Anglio).

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komerco — Asekuro.** — S-ro Ferdinand Schneiders, Noordmolenstraat 40, Rotterdam, (Nederlando) proponas sian peradon en ĉiuspecaj komercaj kaj asekuraj aferoj. Havante bonajn rilatojn li ankaŭ akceptas reprezentadon por gravaj firmoj.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuzstr. 59, St. Gallen (Svisio).

**Letervesperon** aranĝos la Klubo Esperantista de Gävle la mardon 17 junio. L kaj PK estas atendotaj el ĉiuj landoj. Adreso: Gävle Esperanto Förening Kafé „Esperanto", Gävle, Svedio.

**Maŝina kaj elektra inĝeniero** deziras interŝanĝi kun eksterlandanoj teknikajn tradukojn diversajn. G. Mansfeld, Wilhelmstr. 4, Merseburg, Saale (Germanio).

**Militmono.** — Mi deziras akiri ĉiuspecajn militmonerojn, paperbiletojn de malgrandaj valoroj; ekzemple Germana „Kriegsnotgeld", komunumaj biletoj de Nord-Francio, paperbiletoj de militkaptitejoj, Rusaj papermoneroj, k. a. Eventuale interŝanĝas kontraŭ militpoŝtmarkoj. Proponojn oni sendu al Hans Jakob, C. O. de UEA, Museumsstrasse 14, Bern.

**Militruinaĵojn** — homajn aŭ malhomajn — mi deziregas kun rakontetoj pri ili. Socialistoj atentu! — Mi sendos al vi vidaĵojn de Yellowstone Parko, aŭ tiujn, kiujn vi bezonos. Robert E. Blackstone 307, Russ Bldg., San Francisco (Kalifornio, Usono).

**Pensiondomon en Svisio** por la somera libertempo serĉas Ĉeĥoslovaka biena oficisto por sia 16-jara filo, 17-jara filino (vizitantaj nun komercan lernejon en Praha kaj parolantaj nur Ĉeĥe kaj Germane) por ke ili perfektigu sin iom en la Franca konversacio. Proponoj de knabaj kaj knabinaj institutoj (aŭ privataj familioj, kiuj volus sendi ŝanĝe siajn infanojn en mia domo, por la lernado de Ĉeĥa aŭ Germana konversacio) kun komuniko de la kostoj, laŭ la adreso: Josef Socha en Radím u Peček (Bohemio).

**Poŝtmarkoj.** — Al ĉiuj, kiuj sendas al mi PM kurantajn, mi resendos PI aŭ PM Nederlandajn. A. F. J. M. de Wit, Walburgsplein 1, Arnhem (Nederlando).

**Samideanoj en Usono, helpu!** — La patrino de S-ino Hammer, pastredzino, naskita Wolf, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en 1916 en Millard, Nebraska. Sendu informojn al la C. O. de UEA en Bern.

**Ŝakludemuloj.** — Svisaj kaj eksterlandaj ŝakludemuloj dezirantaj koresponde ludi, bonvolu sin turni al S-ro C. Rogister, 43, Paix, Chaux-de-Fonds (Svisio).

**Vizitkartoj Esperantaj** kun verda stelo. Ili ankaŭ estas mendeblaj kun miniaturfotografaĵoj laŭ alsendota originalportreto. Prezo: sen fotografaĵo po 5 Skand. kronoj por 100 ekz.; kun fotografaĵo 9 kr. por 100, plie 15 % por afranko. Kovertoj kaj leterpapero kun verda stelo kaj nomo 5, 6, 7, 8 kr. por 100 kaj aliaj Esperantaĵoj estas mendeblaj ĉe Bernh. Eriksson, 16, Trotsgatan, Falun (Svedio).



















PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO